**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7, Telefono 380—84.**

**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Responda redaktoro: *Karlo Bodó***

**Redaktoroj: *Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

ĈEFKUNLABORANTOJ: J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann, (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), J. Grau Casas (Mediona), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Ladislao Halka (Budapest), N. Hovorka (Wien), R. Hromada (Praha), B Johnsson (Liverpool), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), A. Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylén (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), E. C. Stillmann (U. S A), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), J Ŝimomura (Tokio), L E Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof kaj Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (en Warszawa) kaj aliaj.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**Aŭstralio** L. E. Thomson, *Pymble N. S. W.* Tallangetta, Church str.

**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*, Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.

**Britujo:** Alec Venture, *Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.

**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.

**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka, *Hradec-Kralové*.

**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21.

**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.

**Francujo:** Centra Esperanto Librejo *Paris* 6e, 11 rue de Sévres

**Germanujo:** Postĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin 138084*

**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a

**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92.

**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11.
La Suda Stelo *Slavonski Brod* Poŝtfako 44.

**Latvio:** Pocztowa Kasa Oscednosĉi Warszawa P. K. O. Riga Nr. 4.030 *surskribu:* Na konto Administracja Literatura Mondo Krakow Nr 403 148.

**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.

**Norvegujo:** Norvega Ligo Esp-ista, *Oslo*, Bergsliengata *11*.

**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99
Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.

**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15

**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578

**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34.

**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Hongoo—Motomaĉi I.

**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel


## NIAJ ELDONAĴOJ

**Verkoj de JULIO BAGHY:**

Dancu Marinetoj, noveloj tolb. 5.40, broŝ. 3·40
Migranta Plumo, noveloj tolb. 4.60, broŝ. 2 70
Viktimoj, romano — — tolb 7.40, duont. 5.60, broŝ. 5.—
Hura! romano — — — tolb 10 -, duont. 8 40, broŝ. 7.40
Preter la vivo, poemaro tolb. 3 —, broŝ. 2.—
Pilgrimo, poemaro — — tolb. 3 —, broŝ 1.80

**Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:**

Lingvo, Stilo, Formo — — — tolb. 4 90 broŝ. 3.—
Malkara eldono bind. 2.50 broŝ. 1.50
Streĉita Kordo — — — — — tolb. 5.80 broŝ. 4 —
Rimportretoj — — — — — tolb. 4.60 broŝ. 3.—
Eterna Bukedo. Internacia poemantologio. 352 paĝa. — — — — — — — Duonlede bindita 11.30
Madách: Tragedio de l' Homo luksa 5.50, simpla 4.—
Petőfi: Johano la brava — — bind. 3.— broŝ. 1.50
Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro, silkebind. 5.—
bind. 3.— broŝ. 2.—
Hungara Antologio — — — bind. 14.— broŝ. 12.—
K. Kalocsay—G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro — — bind. 5 — broŝ. 3 60

**ALIAJ VERKISTOJ:**

J. Forge: Mister Tot aĉetas mil okulojn Romano — — — — — — bind. 5.80 broŝ. 4.—
Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando bind. 2.50 broŝ. 1 50
Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano bind. 5.— broŝ. 3.—
Szilágyi: La Simpla Esperanto (gram. por hung.) broŝ. 1.35
Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj broŝ. 1.50
La Pentroarto en la malnova Hungarujo, kun 96 ilustraĵoj — — — — — duonlede bindita 15.50
L. Totsche: De Paĝo al Paĝo bind. 5.— broŝ. 2.50
Engholm: Homoj sur la Tero bind. 5.— broŝ. 3.60
Kenelm Robinson: Homarisma Laboro broŝ. 0.60
I. Ŝirjaev: Peko de Kain — — — — — broŝ. 1.—
Hungara Ŝlosilo — — — — — — — — 0.18

**Prezoj en svisaj frankoj!**
Aldonu 10% por sendkostoj

# Vizito ĉe d-rino Selma Lagerlöf en Vermlando



Vermlando, unu el la plej okcidentaj regionoj de Svedlando, kuŝas norde de la granda Wener-lago. En tiu ĉi landparto specimene unuiĝas ĉio, kion Svedlando posedas kiel naturbelon, aŭ spiritan riĉon. Se vi volas ĝui svedan naturon, koni svedan laborvivon, kontakti kun sveda kulturo kaj vidi la lokojn, kie radikas la plej bela poezio de l' sveda literaturo — do vojaĝu al Vermlando! La hejmlando de Selma Lagerlöf...

»Ho, virinoj de pasintaj tempoj, vi pendis kvazaŭ sciuroj ĉirkaŭ la kolo de l' viro...« — tiel komenciĝas ĉapitro en la Nobel-premiita majstroverko »La legendo pri Gösta Berling« de S. Lagerlöf.

Estas sendube, ke nun ŝi povus travesti siajn vortojn jene:

»Ho, nuntempaj turistoj, vi svarmas kvazaŭ akridoj ĉirkaŭ la longa Löwen-lago...«

La pitoreskaj lokoj de Vermlando fariĝis konataj pere de ŝia plumo tra la tuta mondo. La bienoj de Ekeby, Fors, Sjö, Borg kaj alinomaj lokoj ĉirkaŭ la »longa Leon-lago« en la kavalireposo de la sveda aŭtorreĝino, estas egale famaj kaj same inunditaj de la internacia turisttorento, kiel ekzemple siatempe »la roko de Loreley.«

Estas memkompreneble, ke la turistoj direktas siajn paŝojn precipe al Marbacka (elp. Morbaka), por vidi la renovigitan familian bienon, la sidejon de la sepdektrijara, blankhara, sed varmkora matrono, kiun gepatran domon ŝi sukcesis reaĉeti dank' al la Nobelpremio. Dum somera dimanĉo oni povas vidi centojn da aŭtomobiloj starantaj sur la aleo, kiu kondukas al la Lagerlöfa bieno.

Je mia skriba peto pri aŭdienco, sendita al Marbacka, mi ricevis de la aŭtorino respondon — el Stokholmo, ke ŝi forestas de la hejmo. Dum iu maja dimanĉo samideano el Skoghall invitis min por aŭtomobila promenado tra la »legendejo«. La ĉirkaŭaĵo estas tiom rava, ke mi apenaŭ kredas al miaj okuloj. Vivanta filmo kun mirebelaj naturscenoj ruliĝas majeste antaŭ ni. Nia aŭto haltas por momenteto antaŭ la blanka domego de la verkistino. La domo staras meze de ĉarma parko. Kaj kia »bonŝanco«: ni ekvidas apud la domo... la longharan hundon de S. Lagerlöf. Sur la masto en la ĝardeno flirtas la sveda ĉielblua flago kun orflava kruco, estas ia familia festo. Ni ne kuraĝas ĝeni la verkistinon.

Preskaŭ tute pasis mia trimonata kurso en Kil, jen estas jam la 21-a de majo, la antaŭlasta tago de la kurso. Morgaŭ mi devos forlasi Vermlandon, eble por ĉiam. Ankaŭ mia Vivduono alvenos al la ekzameno... Kun refreŝigita kuraĝo mi ekprenas la telefonan aŭskultilon.

»Halo, halo... tie ĉi Marbacka...«

»Bonan tagon, mi estas...« (Mia koro frapas en la gorĝo.)

»Ĉu vere, mi tamen havas la honoron fine...«

Kaj mi rakontas al la afabla aŭtorino pri miaj malŝancoj, ke jen unuan fojon mia letero ne trovis ŝin hejme, jen alifoje mi sukcesis ekvidi nur ŝian longharan hundon... Kaj morgaŭ mia lasta tago tie ĉi... La aŭtorino ekridas en la telefonon kaj kore bonvenigas nin ambaŭ por la sekvanta tago!

Ekzamenado ĝis la tria matene, festeno, mi enlitiĝas ĉirkaŭ la kvara. Sed matene je la sepa jam vekas min aŭtomobila trumpetsono, baldaŭ ni veturas al la stacio. Dum trihora fervojveturo ĝis Sunne mi legadas la biografion de Selma Lagerlöf.

Filino de gaja, facilkora leŭtenanto kaj de serioza, ŝparema patrino. Kiel trijarulineto, ŝi vekiĝis iun matenon kun nemovebla, paralizita piedo. Oni portadis ŝin tienreen al la doktoroj, vane. Foje surŝipe oni multe parolis pri belega paradiza birdo de la kapitano. La scivolo kaj vekita fantazio de la eta knabino jen igas ŝin forlasi sian lokon kaj ŝiaj parencoj trovas ŝin, mirigitaj, ĉe la kapitana kajuto, admiranta la pompaspektan birdon... Ŝi iris tien memstare, sur propraj piedoj. Bedaŭrinde tiu ĉi malsano tamen revene ĝenadis ŝin. Sed neniel bridis la altflugan fantazion.

Dum longaj jaroj verkadis la juna Selma sekvante internan vokon, sed ia fatalo ĉiam malhelpis ŝin trovi la vojon al la granda publiko. Foje sveda literatura gazeto »Idun« anoncis konkurson, kie ŝi per kvin ĉapitroj de »Gösta Berling« ricevis la unuan premion. Dum sia ferio ĉe la knabina lernejo en Landskrona, la poetanima kaj energia instruistino Lagerlöf sukcesis fini sian unuan grandan verkon, kiu aperis en 1891. Gösta Berling signifis plenan rompon kun la realisma direkto, kiu ĝenerale regis tiam en la sveda literaturo. Oni laciĝis pri la strindbergaj animbataloj. atendis ion novan, kaj la »blua floro de l' romantikeco« plenpompe brilis en la fantaziaj priskriboj de la kavaliroj de Ekeby. Sed la unua sveda kritiko estis tre malfavora (de envia akademiano Wirsen) tiel pri la premiitaj kvin ĉapitroj, kiel pri la tuta verko. (Kiomfoje li turnis sin en sia tombo, kiam Selma Lagerlöf pli poste estis honorita per filozofia doktoreco, elektita en la akademion kaj eĉ ricevis la Nobelan...) La cetera parto de la sveda kritiko ne tre estis pli favora al ŝi. La vera sukceso de la libro datiĝas de post la apero de la bonega kritiko de Georg Brandes en la grava dana gazeto »Politiken«.

Riĉkolorajn florojn, noblaromajn fruktojn ŝi donacis al la literatura mondo, sed eble la plej matura verko »Jeruzalemo« (1901) kun nova temo kaj plenforma,

grandioza stilo, precipe en la unua volumo, poste (1906—1907) »La vojaĝo de Nils Holgerson«, fariĝinta la plej valora legolibro por la sveda lernantaro, leviĝas kiel aparte elstaraj pintoj el ŝia verkomaro.

Nun Lagerlöf iĝis mondfama per sia verkado. Ŝiaj verkoj estas tradukitaj — parte, aŭ tute — al 34 lingvoj, inter ili ankaŭ al esperanto (La junulino de Stormyr, trad. Frode, eld. Sveda Esperanto-Eldonejo, Stokh. — Nun estas en preparo samloke: La infanoj de Betlehem, el la ciklo Kristlegendoj), japana, islanda, grenlanda, ktp.

Sed nia vagonaro jam haltas en Sunne. Ni daŭrigas per aŭto. Lerta, komerca spirito ameriksimile donis legendajn nomojn al la diversaj restoracioj, elektitajn el »Gösta Berling«. Nun haltas nia maŝino. Unu servistino malfermas la pordeton de l' aŭto, la alia la dompordegon. Oni kondukas nin en la artgustan akceptĉambron rokokostilan. Ni rigardas la librojn, la ĉarmajn statuetojn, inter kiuj impone tronas tiu de Papo Leo la 13-a.

Jen venas la blankhara, afabla aŭtorino el la supra ĉambro, sia iama infanĉambro. Ŝi lametas. Ekstreme simple vestita, modesta. Kvazaŭ telepatie klarigas: pardonu, ke mi akceptas vin en tiom simpla vesto kaj ŝalo. Sed mi estas malvarmuminta, jen kial. Ni pensas en ni mem: certe Lagerlöf estas Lagerlöf en kia ajn vesto. Sed ni ne diras laŭte, kion ni pensas, por ne fari banalan komplimenton.

»Ĉu vi estas rumano? Sed ŝi estas ja svedino! Kiel vi konatiĝis?«

»Per esperanto.«

»Ho, interese. Antaŭ nelonge faris viziton ĉe mi rektoro Jansson el Stokholmo. Ĉu vi konas lin, altega barbetulo, tre simpatia homo. Tiam mi volonte rajtigis la Svedan Esp. Eldonejon por publikigi miajn verkojn en esperanto.«

»Sinjorino Doktoro, kian opinion vi havas pri la mondlingvo?«

»Estas sendube atentinda kaj valora klopodo tiu de la mondlingvanoj, kiun mi sekvas regule kun atento. Jam kiel juna knabino mi ekstudis Volapük... Post la mondmilito pluraj »novaj«, almenaŭ ĝis tiam ne tre konataj lingvoj ekludis pli kaj pli gravan rolon, ekzemple finna, estona. Certe esperanto havas gravan helprolon en la internacia lingva problemo.«

»Sinjorino, laŭ viaj verkoj vi estas konvinkita pacifistino. Ĉu vi ne atribuas gravecon al esperanto ankaŭ kiel al spirita faktoro?«

»Jes, mi volonte kredas, ke la mondlingvo multe povas fari por la tiom bezonata proksimiĝo de la popoloj.«

Ni parolas pri diversaj aĵoj, precipe literaturaj. Mi mencias, ke mi legis unue en rumana lingvo »Gösta Berling« en maldika volumeto kaj mi surpriziĝis ekvidante la ampleksan svedan originalon. Verŝajne la traduko trafluis multajn muelejojn... Kaj mi rakontas al la aŭtorino tradukhistorieton de japana poemet-originalo trairinta anglan, francan, germanan, k. c. »kribrilojn« kaj retradukitan al la japana. Japana literatura profesoro konstatis pri la retradukaĵo: jen nova verketo de nekonata japana aŭtoro... Tiel misformiĝis la literatura infano. Sed en esperanton oni tradukas rekte el sia patrinlingvo kaj garantias jene kiom eble plej fidelan redonon. Ŝi ĝentile invitas nin por taso da kafo, kiun ni bedaŭrinde devas danke rifuzi, ĉar ni devas ekveturi al Skoghall por la lasta publika leciono de la esp. kurso. Ni ankoraŭ petas ŝin:

»Ĉu vi permesas, Sinjorino, transdoni salutojn al la diverslandaj esperantistoj?«

## Ĉa vosto de fazano

### Hitomaro

**Kvin tradukoj de la fama tanka**

*Kiel etendita*
*pava vosto — nokto fluas.*
*Kiel longe mi enuas*
*sopirante, dormiĝante*
*nokte sur sternaĵo lita.*

Grabowski.

*Kiel trenata*
*vosto de la fazano —*
*ĉu tiom longe*
*daŭros soleca nokto —*
*ah! en mia kabano.*

Hohlov.

*Ŝajnas sin treni*
*kiel la plumo vosta*
*de la fazano*
*la longa longa nokto —*
*ah, kuŝi en solo frosta!*

Kalocsay.

*Ho longe, longe,*
*kiel la vost' fazana,*
*treniĝas nokto,*
*dum oni kuŝas sola*
*en dorm-atendo vana.*

Totsche.

*Nokt' longa, longa*
*kiel la vosto lula*
*de la fazano,*
*kiu treniĝe paŝas!*
*ĉu dormu mi solula?*

Waringhien.

»Tre volonte. Kaj bonvolu aldoni miajn bondezirojn pri sukceso en la bela laborado de l' esperantistoj.«

Dekomence ni kunhavis bone kaŝitan aŭtogramlibron. Sed ni ne kuraĝis montri ĝin por ne tro ĝeni la afablan aĝulinon. Sed nun ŝi petas nin subskribi la dikan gastlibron, kie nigras aro da nomoj bonkonataj el Eŭropo, Ameriko kaj Azio... Ni kaptas la okazon por »reciproka« rikolto. Ricevinte ankoraŭ porvojan provizon: feliĉdezirojn, mildan manpremon adiaŭan, jen la aŭto forflugigas nin. La blanka nesto de la blankamima poetino etiĝas je punkto. Sed en niaj koroj postludas sunradia memormelodio.

»Vermlando, vi belega, ho vi plej rava land',
Vi, krono de landoj en Svedlando.
Se eĉ mi venus mezen de l' Promesita Land',
Mi tamen reirus al Vermlando,
Mi tie volas vivi kaj tie mortos mi,
Se iam el Vermlando knabinon prenos mi,
Mi scias, ke mi neniam pentos!...«

(Ĉe festenoj, kie aperas la vermlanda aŭtorino, la muziko honorludas tiun ĉi kortuŝan kanton, nian vivmelodion...)

*Tiberio Morariu.*

# PLI BONE OL VENĜI

## Dramo en tri aktoj

KAN KIKUĈI

*(Fino sekvos.)*

AKTO III.

*Sceno I.*

(Printempe de la dua jaro de An'ei (1773), pli ol dudek jarojn post la okazajoj en Akto II. La loko estas Ao-no-Doomon ĉe Jabakei en Kjuuŝuu. Pro oportuneco oni uzas la nomon poste donitan. — La enirejo de la tunelo. Dekstre, la rokoj estas deŝiritaj kaj parto de l' Jamakuni Rivero estas videbla. La reston de la scenejo okupas griza rokmuro, en kies mezo estas la faŭko de la tunelo proksimume ses metrojn alta kaj ok metrojn larĝa. Malgrandaj ŝtonoj estas disĵetitaj ĉie ĉirkaŭe. Apud la rivero staras kelkaj junaj kriptomerioj. Laŭ la rando de la rokmuro, tabula ponto pendas danĝere. Ĝi sin apogas al ĉeno. Kiam la kurteno leviĝas, Maljunulo ŝajne de sufiĉa bonhavo, Kolportistino kaj Kamparano kun ĉevalo venas en ordo trans la ĉenponton timeme. Kiam ili ĉiuj transiĝas, ili haltas kelkan tempon por ripozi sur la scenejo.)

*Maljunulo* (sidiĝas sur roko kun ekĝemo de trankviliĝo). Mi ĝojas, ke mi faris ĵurpromeson pilgrimi al Haĉiman Sanktejo de Usa unu fojon por ĉiu jaro, sed transiri tiun ĉi ĉenponton ĉiam egalas riski la vivon. Ĉar ne blovas la vento la lastajn tagojn kaj la pontotabuloj estas renovigitaj, nun ne estas danĝero por homa vivo, sed la paŝoj de maljunulo estas malfirmaj, malfirmaj.

*Kolportisto.* Mi estas loĝanto de Hida vilaĝo, kaj devas transiri la ponton ĉiutage, do mi jam alkutimiĝis, sed en pluvaj tagoj, kiam ĝi estas glitiga kaj skuiĝas pro la vento, estas vere danĝere.

*Kamparano* (fine veninte trans la ponton kun sia ĉevalo). Ha, estis malfacilege. Survoje, kiam mi pensis, ke jam la ĉevalo obstiniĝos, mi tremis de timego.

*Kolportistino* (al la Kamparano). Sinjoro Sakuzoo. Efektive vi devas esti atenta. Estas vere danĝere, kiam vi estas kun ĉevalo. Se vi enfalus kun la ĉevalo kiel sinjoro Sinnemon de Kakizaka en la lasta jaro, tio estus via fino.

*Kamparano* (ŝerce). Se mi mortus kun vi, almenaŭ la homoj babilus pri ni, sed morto kun ĉevalo ja estus morto de hundo.

(Du Ŝtonhakistoj venas el la tunelo portante ŝarĝon de ŝtonhakaĵoj.)

*Kamparano.* Hola, Soo-don. Vi laboras diligente, ĉu ne? Ĉu la laboro iom progresis?

*Unua Ŝtonhakisto* (demetante la ŝarĝon kaj sidiĝante sur ĝi). Nenia ŝanĝo, de kiam mi venis. Ĉar ni traktas grandegan rokegon, ni ne povas trahaki eĉ dudek metrojn en duona jaro aŭ unu.

*Kamparano.* Povas esti. Povas esti. Komence mi pensis, ke ĝi estas tiel neebla laboro, kiel rigardi la sunon tra la trueto de kudrilo. Sed la persistemo de sinjoro Rjookai estas admirinda. Komence oni nomis lin »Freneza Bonzo,« aŭ »Trompisto,« kaj kiam mi estis juna, mi mem ĵetis unu aŭ du ŝtonojn post li. Sed oni klinis la kapon antaŭ lia persistemo. Oni diras, ke la ŝtonhakistoj estas duobligitaj, de kiam la distriktestro donis al li rekompencon.

*Dua Ŝtonhakisto.* Ĝis nun ni trahakis kvar kvinonojn de ĝi, tial nun restas tre malgranda laboro. Lastatempe, sinjoro Rjookai preskaŭ ne dormas en la nokto.

*Maljunulo.* Mi deziras ĝisvivi iamaniere, ĝis tiu ĉi tunelo estos preta. Kaj laŭ tiu ĉi mezuro, ŝajne mia deziro estos plenumita.

*Kamparano.* La kamparanoj de la sep vilaĝoj de Jamakuni-valo malpacience atendas ĝian pretiĝon. Mi mem intencas helpi ankaŭ en tiu ĉi jaro tuj, kiam mi finos la plantadon de rizo. Mi timas, ke mi estas tro komforta lasante sinjoron Rjookai mem fari ĉion.

(Multaj Kamparanoj alvenas de maldekstre.)

*Dua Kamparano* (irinte al la faŭko de la tunelo kaj streĉante la orelojn). Ha, ĝi fariĝis profunda. Antaŭ du aŭ tri jaroj, ankoraŭ la sono de la marteloj aŭdiĝis ĝis la faŭko.

*Tria Kamparano.* Fariĝis profunda. Tre profunda. Mi vetis kun Rinhaĉi de la najbara vilaĝo, ke tio bezonas unu jaron kaj duonon, kaj laŭ tiu ĉi mezuro, mi gajnos.

*Kvara Kamparano.* Vi, senhonta fripono! Pro sinjoro Rjookai penanta plene kovrite de polvo, vi estos punita de Ĉielo.

*Tria Kamparano.* Tute ne. Sinjoro Rjookai ĉiam diras, ke li ellaboras sian propran saviĝon, kaj ankaŭ por ni estas eterna la graco, ĉu vi ne memoras?

*Kvara Kamparano.* Nur por pagi pro sia krimo, ĉu homo povas fari tiel grandegan laboron kiel tiu? Ĉio estas pro lia sankta ĵuro por elaĉeti ĉiujn vivulojn. Kiam mi estos libera, ankaŭ mi intencas helpi.

*Tria Kamparano.* Bone, diru mensogon. Vi ĉiam diras, ke vi helpos, jaron post jaro, kaj vi ne prenis martelon eĉ unu fojon ankoraŭ, ĉu ne?

*Kvara Kamparano.* Ĉu ne estas same pri vi?

(Dum la Kamparanoj interparolas, Ĵicunosuke envenas. Li estas en simpla vojaĝvesto kaj portas katunan pluvmantelon. Kiam li vidas la tunelon, li rigardas la planon de la ĉirkaŭaĵo iom ekscitite, kaj poste ekzamenas la ĉenponton kondukantan dekstren kaj revenas kaj enrigardas la tunelon. Intertempe li tiras al si la atenton de la Kamparanoj.)

*Ĵicunosuke* (fine alparolas la Duan Kamparanon). Pardonon mi petas! Mi deziras vin demandi pri io. Oni diras, ke en la tunelo estas bonzo nomata Rjookai, sed ĉu tio estas vero?

*Kamparanoj* (kune). Kial tio ne estus vero? Sinjoro Rjookai ja estas preskaŭ la posedanto de tiu ĉi tunelo.

*Ĵicunosuke.* Ĉu jes? Mi do deziras demandi plu, kiomjara li estas proksimume?

*Unua Ŝtonhakisto* (suspekteme rigardante la nekonatan militiston). Sinjoro Rjookai estas pli ol kvindek-jara. Jam baldaŭ estos sesdek.

*Ĵicunosuke* (trankvile). Mi aŭdis, ke lia naskiĝloko estas Kaŝiŭazaki en Eĉigo.

*Unua Ŝtonhakisto.* Jes, ĉiuokaze li diras, ke ĝi estas regiono, kie multe neĝas.

*Ĵicunosuke.* Ĉu vi ne aŭdis, ke li servis en Edo dum sia junaĝo?

*Dua Ŝtonhakisto.* Jes, mi aŭdis, ke li servis. Foje li rakontis al mi pri la prospereco de Asakusa Kanzeon.

*Ĵicunosuke* (fine streĉiĝante). Dankon pro via

informo. Kaj ĉu tio ĉi estas la sola enirejo de la tunelo?

*Unua Ŝtonhakisto.* Jes, estas videble. Por malfermi la alian transe, sinjoro Rjookai nun entreprenas suferigan penlaboron.

*Jicunosuke.* Kiel longa estas la tunelo?

*Dua Ŝtonhakisto.* Kion vi volas fari post tia demando?

*Jicunosuke* (enpensiĝinte momenton). Mi volas vidi tiun sinjoron Rjookai. (Li estas enironta.)

*Unua Ŝtonhakisto.* Atendu. Homo ne konanta la lokon, ne povas enpaŝi. Rokoj elstaras tie kaj ĉi tie kaj kavoj estas tre multaj.

*Jicunosuke.* Do, ĉar mi havas kun li aferon, ĉu vi ne bonvolus al li diri, ke iu faris la tutan vojon de Eĉigo por lin vidi?

*Unua Ŝtonhakisto.* Tuj mi enkuros kaj diros al li. (Enkuras.)

*Dua Ŝtonhakisto.* Ĉu vi estas parenco de sinjoro Rjookai? Ĉiu en la sep vilaĝoj de tiu ĉi Jamakumi valo estas de li treege helpata. Ni ŝuldas al li koran dankon. (Sin klinas.)

*Maljunulo* (venante antaŭen). Eble lia reputacio ne povis atingi de Kjuuŝuu tute ĝis Eĉigo, sed sinjoro Rjookai estas de la popolo de la sep vilaĝoj de tiu ĉi valo tiel dankata kiel Jiĉi Bosacu.[1]) (Klinsalutas. Returne rigardas la aliajn.) Jen estas lia parenca sinjoro militisto. Ĉiuj esprimu vian dankon. (Ĉiuj klinsalutas kune. Jicunosuke, iom konfuzita spirite, resalutas facile.)

*Maljunulo.* Vi ne povas esti lia filo, ĉu ne? Ĉu vi estas lia nepo? Estu plej bonvenanta ĉi tie. Kie en la mondo vi aŭdis pri tio?

*Jicunosuke.* Mi estis en vojaĝo por viziti ĉiujn provincojn, por ekzerci min survoje en glavarto, kaj mi ricevis la informon de iu ĉe Haĉiman Sanktejo en via provinco.

*Maljunulo.* Tio estas certe renkontiĝo dank' al la graco de Ĉielo.

*Dua Kamparano.* Jam pasis dudek jaroj ĝis tiu ĉi jaro. En la daŭro de tiu longa tempo li penlaboris kun sia tuta koro. Li diras, ke tio estas por elaĉeti liajn ripetitajn krimojn plenumitajn en lia juneco, kaj lastatempe li svingas martelon eĉ en la nokto.

*Jicunosuke* (duone al si mem). Por elaĉeti siajn ripetitajn krimojn? Sed la kruelega malvirto, mortigo de sia sinjoro, ne povas esti forviŝita. (Ridas mokeme.)

*Maljunulo.* Eĉ mortigo de sia sinjoro tio estis? Sed per tiu spirito, eĉ tio, eble, estas forviŝita.

*Jicunosuke.* Ĉu tio estas forviŝita aŭ ne, vi vidos baldaŭ. (Ridas ironie.)

(La homoj komencas iom suspekti Jicunosuke'n kaj flustras inter si. Tiam Rjookai elvenas kun du Ŝtonhakistoj subtenantaj lin ambaŭbrake. Jicunosuke kaŝe malsekigas la vinkton en la tenilo de sia glavo. Rjookai estas malgrasega kaj osteca, kaj liaj kruroj sub la genuoj estas precipe maldikaj. Kvankam lia deŝiriĝinta robo montras, ke li estas bonzo, liaj haroj kreskis longe kaj kovras lian sulkozan vizaĝon. Liaj okuloj estas nebulaj kiel cindro. Kiam li eliĝas el la tunelo, li ŝanceliĝas kvazaŭ blindigita de subita lumo. Kiam la Kamparanoj ekvidas lin, ili surgenuiĝas kaj adorkliniĝas.)

*Dua Ŝtonhakisto* (helpante Rjookai'n). Gardu vin.

[1]) Nomo de Budao.

## La viktimo

**— Rabindranath Tagore —**

*Je distanco aspektis vi*
*titana en via mistera majesto de teroro.*
*Kun tremanta koro mi staris antaŭ via aperaĵo.*
*La kuntiritaj brovoj aŭguris pereon,*
*kaj kun bleko kaj frakaso subite falis la bato.*
*Miaj ostoj rompiĝis,*
*kun klinita kapo mi atendis la mortodonan furiozon.*
*Ĝi venis.*
*Kaj mi miris: Ĉu tio do estas via tuta minaco?*
*Kun viaj altetenataj bataliloj*
*vi aspektis timige granda.*
*Por frakasi min venis vi tien,*
*kie mi kaŭre kuŝis sur la tero.*
*Subite vi malgrandiĝis, kaj mi ekstaris.*
*De tiam ekzistas por mi nur sufero*
*sed nenia timo.*
*Granda vi estas kiel la morto mem,*
*sed via viktimo estas pli granda ol la morto.*

Tradukis: *Stellan Engholm*

---

*Rjookai* (palpante per siaj manoj). Kie li estas? Kie li estas?

*Dua Ŝtonhakisto.* Jen ĝuste tie. Tuj tie.

*Rjookai* (kvazaŭ li trovis malklaran figuron de Jicunosuke). Kiu estas vi? Miaj maljunaj okuloj estas kadukiĝintaj kaj vidas tre malfacile.

*Jicunosuke* (iom surprizita de la ekvido de sia kadukiĝinta malamiko kaj perdinta la streĉan severecon alprenitan je la komenco.) Ĉu vi estas nomata sinjoro Rjookai?

*Rjookai.* Jes, mi estas. Kaj vi?

*Jicunosuke* (iom ekscitite). Kiel ajn vi aliformigis vin en bonzon nomatan Rjookai, aŭ kiel ajn vi nomas vin, eble vi ne mensogos. Vi ne forgesis, kiel en via juneco, nomata Iĉikuroo, vi mortigis vian sinjoron, Saburobjoe Nakagaŭa, en Edo kaj forkuris, ĉu ne?

*Rjookai* (montrante per trankvila sed humila voĉo ke li, kvankam bedaŭras sian krimon, estas savita de siaj pekoj). Mi ne forgesis. Mi ne forgesis. Kaj kiu estas vi, kiu diras tion?

*Jicunosuke.* Eble vi ankaŭ tion ne forgesis. Mi estas Jicunosuke, unusola filo de Saburobjoe.

*Rjookai* (verŝante maldolĉajn larmojn). Sinjoro Jicunosuke! Mi memoras. Mi bone memoras. Kiu mortigis vian patron kaj forkuris, estis neniu alia ol tiu ĉi mizera Rjookai.

*Jicunosuke.* Mi pasigis ĉirkaŭ dek jarojn de doloro kaj agonio por venĝi mian patron kontraŭ vi, vi, monstra mortiginto de sia mastro kaj forkurinto. Ĉar ni renkontiĝis nun ĉi tie, jam estas tro malfrue forkuri, do batalu kun mi juste.

*Rjookai.* Vi tre longe suferis. Mi tre bedaŭras. Mi nur pensis pri la elaĉeto de miaj pekoj. Mi neniam pensis, ke mi kaŭzis al vi tiom da doloro. Nu, forprenu mian vivon. (Komencas iom vidi.) Fine mi vidas vian vizaĝon. Al mi ŝajnas, ke mi kvazaŭ rigardas la vizaĝon de via patro kun ĉagrenego antaŭ miaj okuloj. Nu, forprenu mian vivon. Eble vi jam aŭdis; tiu ĉi fosaĵo estas tunelo, kiun tiu ĉi mizera Rjookai deziris fosi por elaĉeti siajn pekojn, kaj post dudek

jaroj, preskaŭ ĝi estas finita. Kvankam mi mortos, tio ne bezonos nun pli ol unu jaron. Nu, forprenu mian vivon. Se mi falos per via mano kaj fariĝos ofero priverŝante la enirejon de tiu ĉi tunelo per mia sango, mi estos kontenta.

*Jicunosuke* (kortuŝite sed penante ne deturniĝi de sia longe konservata intenco). Konvena rezignacio. Vere, eĉ se oni klopodis por bona rezulto, oni ne povas sin liberigi de la repago pro sia malvirto. Estas bone, ke vi kriu viajn lastajn laŭdojn al Budao.

(Komence la Kamparanoj kaj Ŝtonhakistoj staras tro mirigite pro la neatendita turno de la afero. Meze de ĉio ĉi, ili komprenas, ke la vivo de Rjookai estas en danĝero. Unu el la Ŝtonhakistoj iras internen por fari alarmon.)

*Dua Ŝtonhakisto.* Hola. Ĉiuj venu eksteren. (Krias per laŭta voĉo en la tunelon.)

(La Ŝtonhakistoj, ĉiu kun ŝtalmartelo en la mano, elvenas kriante, kaj, formante larĝan cirklon ĉirkaŭ Jicunosuke, protektas Rjookai'n. Rjookai, forŝirante sin de ilia protekto, baraktas por proksimiĝi al Jicunosuke.)

*Ĉefŝtonhakisto.* (retenante lin). Kion vi intencas fari al sinjoro Rjookai?

*Jicunosuke* (vidante la homamason, elingigas la glavon. Observante en ĉiu direkto.). Tiu maljuna bonzo estas la mortiginto de mia patro. Hodiaŭ okaze mi renkontis lin kaj efektivigas mian kordeziron. Se vi ŝirmas la malvirtegan kanajlon, kiu mortigis sian mastron, al vi surfalos la puno de ĉiuj dioj kaj Budaoj.

*Ĉefŝtonhakisto* (spite). Venĝo estas afero de la mondo de vivuloj. Kiel vi vidas, sinjoro Rjookai jam forlasis la mondon. Krome, li estas adorata kiel Budao ne nur de la sep vilaĝoj de Jamakuni valo, sed ankaŭ de la loĝantaro de ĉiuj vilaĝoj en Bungo kaj Higo apud Jamakuni Rivero. Kiel ni povus lasi tian homon morti senutile?

*Jicunosuke* (tute indigne). Ne diru plu. Ne diru plu. Eĉ se li forlasis la mondon, la terura krimo, mortigo de sia sinjoro, estas unu el la ok damnindaj pekoj. Se vi baros mian vojon, mi batos vin ĉiujn kaj faros el vi amason de kadavroj. (Kun indigno, li estas sin ĵetonta kontraŭ ili svingante la glavon. La

## VIVLACIĜO

**Egipta poemo el III jarmilo antaŭ Kristo**

*La morto staras hodiaŭ antaŭ mi,*
*Kvazaŭ la malsanulo estus resaniĝanta,*
*Kvazaŭ la falinto estus releviĝanta.*
*La morto staras hodiaŭ antaŭ mi,*
*Kvazaŭ odoro de la mirho,*
*Kvazaŭ sidado sub velo dum tago senventa.*
*La morto staras hodiaŭ antaŭ mi,*
*Kvazaŭ odoro de lotusofloroj,*
*Kvazaŭ festeno ĉe rivera bordo.*
*La morto staras hodiaŭ antaŭ mi,*
*Kvazaŭ vojo dum pluvado,*
*Kvazaŭ reveno de l' viro en ŝipo milita.*
*La morto staras hodiaŭ antaŭ mi,*
*Kvazaŭ dezirus revidi sian hejmon la homo,*
*Kiu multegajn jarojn travivis en malliberejo.*

Tradukis: *M. Arco.*



Dudu Alexandrescu *Memportreto*

Ŝtonhakistoj eligas krion kaj ĉiuj levas sian martelon samtempe. La Kamparanoj prenas ŝtonojn kaj estas pretaj ĵeti ilin.)

*Rjookai* (baraktante senespere). Neniu peku. Se eĉ unu el vi ĵetos ŝtonon aŭ ektuŝos tiun ĉi militiston eĉ per unu fingro, Rjookai malamos tiun. Pro la amikeco, kun kiu vi longe helpis min, nur lasu min morti laŭ mia deziro. Mi konas sufiĉan kaŭzon, kial mi devas morti. La sento, pro kiu mi deziris fosi tiun ĉi tunelon, estas la sama kun la sento, pro kiu mi deziras morti nun ĉi tie. La pretiĝo de la tunelo jam estas videbla. Cetere, nenio povas doni al mi pli grandan plezuron, ol morti per la mano de tiu ĉi fileca filo. Neniu peku.

*Ĉefŝtonhakisto.* Pro tiu kaŭzo, ĉu vi supozas, ke ni povus apudstari kaj vidi vin morti antaŭ niaj okuloj?

*Rjookai.* Anstataŭ rigardi mian morton, se vi bonvolus intertempe dehaki almenaŭ unu malgrandan splitou da ŝtono, mi trovus pli grandan plezuron en tio, ol en via lasta beno. Nu! Retiriĝu!

*Dua Ŝtonhakisto.* Tion mi ne povas. Se vi mortus, oni ne scias, kiel realiĝus tiu ĉi grandega projekto. Ni kapablas elporti la batalon kun tiu ĉi neŝancelebla rokego tage kaj nokte nur, ĉar vi observas nin. Via morto estus, kvazaŭ en unu nokto repleniĝus la tunelo kiun ni jam fosis.

*Ŝtonhakistoj* (ĉiuj parolante samtempe). Vere. Vere. Vi ne devas. Vi ne devas morti.

*Dua Kamparano.* Vere, Vere. Kio nin ĝojigas de longe, tio neniiĝos. Sinjoro Rjookai ne devas morti.

*Jicunosuke.* Ĉio estas finita. Neniun mi pardonos, kiu malhelpos min.

(Jicunosuke estas sin ĵetonta sur la Ŝtonhakistojn



Marius Bunescu *Portreto*

kun la glavo. Ŝtonoj flugas kiel hajlo. Li retiriĝas.)

*Rjookai* (dolortordiĝante). Ĉu vi volas montri al mi la agoniojn de Infero, dum mi ankoraŭ vivas sur la tero? Pro la pekoj de Rjookai, ĉu vi vundos la plej filecan militiston? Batu lin eĉ per unu ŝtono kaj vidu. Mi dismordos mian langon kaj min mortigos tuj ĉi tie.

(La Ŝtonhakistoj kaj Kamparanoj ĉesas ĵeti ŝtonojn. Jicurnosuke rigardas al Rjokai, kaj estas ekbatonta lin per la glavo. La Ŝtonhakistoj kaj Kamparanoj denove faras decidan reziston. La Maljunulo forlasas la aliajn kaj alpaŝas al Jicunosuke.)

*Maljunulo*. Atendu. Via koro estas prava. Sed tia estas ankaŭ tiuj de la ŝtonhakistoj kaj kamparanoj. Do, trankviligu vin kaj aŭdu min bone. Kiel ajn vi baraktas, pli ol kvardek estas kontraŭ vi. Aldone, dum ni diskutas tiamaniere, la homoj de la tuta regiono parolas pri »Rjookai en danĝero« kaj sinsekve alkuros ĉi tien. Kiel ajn lerta vi estus en glavarto, vi ne povus batali kontraŭ homamaso. Nu, nun estas tempo pripensi. Aŭskultu, sinjoro militisto! La konstruo de tiu ĉi tunelo estas la vivĵuro de sinjoro Rjookai. Li rompis sian korpon kaj spiriton per penlaboro ĉirkaŭ dudek jarojn. Kiel ajn granda estas li pekeco, ĉu vi ne povas vidi, kiel ĉagrenege estus morti, kiam la plenumiĝo de lia ĵuro jam estas videbla. Jen la kaŭzo, ke ili ĉiuj ŝirmas lin, Mi ne petas vin por longa tempo. Ĝis tiu ĉi tunelo estos tramalfermita, bonvolu lasi la vivon de sinjoro Rjookai en niaj manoj. Li estas kiel vi vidas. Li ne povus forkuri, nek sin kaŝi. Kiam la tunelo estos tramalfermita, faru kiel vi volas.

*Ŝtonhakistoj kaj Kamparanoj*. Jes, bone. Tre bone.

*Maljunulo*. Ili ĉiuj petas tiamaniere. Bonvolu forlasi la lokon por la nuna momento. Se vi bonvolus atendi, ni trovus domon, kie vi povus resti. Ĉiu el vi faru ĵurpromeson. Diru, ke, kiam la tempo venos, vi certe ne ŝanĝos la promeson.

*Ŝtonhakistoj kaj Kamparanoj*. Ni ĵuras. Ni ĵuras je la honoro.

*Maljunulo*. Sinjoro Rjookai, kiel vi opinias?

*Rjookai*. Kiam mi pensas pri la sufero de la nobla militisto, mi ne dezirus vivi plu eĉ unu tagon.

*Maljunulo*. Tio ne devas esti. Via vivo estas kvazaŭ borilo de Budao por trabori la tunelon. Ĝis la tunelo estos preta, vi ne devas forĵeti ĝin facile. Sinjoro militisto! Ĉu vi aŭdis? Kia estas via ideo?

*Jicunosuke* (post momenta pripenso). Konsiderante la bonzecon de Rjookai, mi plenumos la peton. Ne forgesu la kondiĉon aldonitan.

*Ĉefŝtonhakisto*. Kial forgesi? En la momento, kiam la tunelo estos malfermita, estu la truo aŭ unu aŭ okono da colo, vi povos mortigi sinjoron Rjookai, kie li staros tiam. Nu, sinjoro Rjookai, neatendita afero okupis nian tempon. Venu, ni rekomencu la laboron.

*Rjookai*. Ne, ĉi tie kaj nun, mi — —

(Ĉar li provas resti, la Ŝtonhakistoj prenas lin surŝultren kaj forkondukas. Jicunosuke postrigardas lin kun bedaŭro.)

*Maljunulo*. Venu, mi kondukos vin al la restadejo. Ĉar ni faris tiun promeson, kvankam estas malafable al sinjoro Rjookai tion diri, li estas kvazaŭ fiŝo en reto. Nur atendu vian tempon.

*Jicunosuke* (rigardante la tunel-enirejon kun ĉagreno). Kie Rjookai dormas en la nokto?

*Maljunulo*. Por li estas nek nokto, nek tago. Kiam li estas lacigita, li apogas sin al la roko, kie li sidas, kaj dormas. Tio estas afero, kion ordinaraj homoj ne povas fari.

*Jicunosuke*. Ĉu jes? (Enpensiĝante.) Ĉu hodiaŭ estas la sepa aŭ oka?

*Maljunulo*. La sepa.

*Jicunosuke*. (al si mem). La lumo malaperas je la horo de rato.[1]) (Ridas mallaŭte.)

El la japana: *J. Ŝimomura*

[1]) Vesperiĝo.

## Telefonoj

**— V. Nezval —**

*Generaledzino en negliĝo*
*vokas min el lito telefone*
*Trufoj aĉetitaj pro prestiĝo*
*en ŝia ĉambro odoregas bone*

*Mi parolas kaj senceremonie*
*staras antaŭ ŝi en bano*
*Mastro general' kun ruĝstrioj tie*
*sidas kaj trinkas je ies sano*

*Fino mia kaj ŝia astralo*
*sin kisis dum telefona ludo*
*la fraŭlin' el interurba centralo*
*min mane tenas en mia nudo*

El la ĉeĥa: *Stan. Kamaryt*

# NIGRAĴOJ

— Georgo Verda —

La Wallace de nia literaturo, Jean Forge, ekhavis bonegan ideon. Li eltrovis en Bydgoszcz (Polujo) inteligentan simpatian negron Kola Ayaji, rapide esperantigis lin, ekipis per kelkdek belaj interesaj lumbildoj, kaj sendis lin en la vastan esperantistan mondon kun la inda misio fari prelegojn pri sia patrujo (de Ayaji, ne de Fethke), pri l' ekzotika, nigra de suno Afriko. Kaj Kola Ayaji tre lerte plenumas la konfiditan al li mision. Pri la altaj kokosarboj kaj tre bongustaj bananoj Kola parolas kun tia elokventeco, ke oni devas bedaŭri, vidi lin sole sur la ekrano. La blankaj esperantistoj akceptas la nigran samideanon kun la konata verda gastamo, kiun la simpatia gasto sendube meritas. Kola planas fari sian rondvojaĝon tra la tuta blanka mondo. Ĉu vere tra la *tuta* mondo? Ekzistas blankaj popoloj sur nia terglobo, kiuj ne entuziasmas pri la negroj, ekz. en Usono, kaj la usonaj samideanoj volu milfoje pardoni mian arogon, ke mi kuraĝas abrupte demandi: ĉu ili deziras aŭskulti la belegan vervan oratoraĵon de Kola Ayaji? Se jes, li venos Amerikon...

Kola Ayaji en sia prelego ne tuŝas politikajn demandojn. Tiujn scias ĉiu pli malpli kultura homo, kiu interesiĝas pri tiuj aferoj. Cetere esperantistoj devas nepre resti neŭtralaj. Nigra samideano ne rajtas rakonti pri iaj onidiraj suferoj, turmentoj, prolibereca batalado k. t. p. La kontraŭa flanko povus prave protesti. Pro tio Kola evitas maloportunajn momentojn, preferante rakonti pri la vivo de la t. n. primitivaj negroj en la nigra de suno Afriko. Li montras al ni, kiel lerte la homoj grimpas tie sur gigantaj arboj, kiel ili estas vestitaj, kion ili manĝas, kaj kiel ili mortas. Vane oni serĉas ian aludon pri la penado de la raso, pri ĝia celado, ĝiaj bataloj kaj fiaskoj. Se oni estas gasto en blanka hejmo, oni devas resti senkulpe blanka — kaj tial la lumbildoj de s-ano Kola Ayaji kaj liaj paroloj estas efektive senkulpe blankaj. Kvazaŭ la vivo de la negroj en Afriko, meze de la gigantaj kokosujoj kaj bananarboj, estus vera paradizo!

Malgrandan aludon, etan rimarkon tamen Kola faris. Li nome ripetis la veron, kiun ĉiuj scias, ke dum en Eŭropo la blankuloj imagas la diablon nigra, la negroj vidas lin blanka. Mi tamen ne volis konsenti, ke la diablo estas blanka. Iel ni alkutimiĝis jam al la nigra vizaĝo de l' diablo. Mi longe devis diskuti kun Kola pri tiu detalo, ĉu la diablo estas nigra aŭ blanka, kaj Dio scias, kian epilogon estus havinta la diskuto, se ni finfine ne estus glatigintaj nian opinimalsamecon per vere esperantista neŭtrala interkonsento, kiun ni jene formulis: la diablo vere havas blankan haŭton, sed nigran, eĉ tre nigran karakteron...

Kiu nun povas kontesti, ke tiu formulo ne estas la plej ĝusta? Ni feliĉaj blankrasuloj ja scias, ke ĉiuj nigraj malbonoj devenas de la blanka, aŭ — pli precize — de la eŭropane-blanka diablo, kiu intence aperas ĉie en nigra masko por ne kompromiti sian blankan rason. Kiu ankoraŭ kredas, ke la diablo estas negro kun kornoj? Infanoj en luliloj ja scias jam, ke li estas galanta eŭropano. La nigra masko estas simple malnobla provokaĵo fare de la blanka diablo...

Ve, ho ve! En la manoj de la blanka moŝto ĉio en la mondo terure nigriĝas! La usona dolaro, kiu logis kaj ebriigis la mondon per sia ora brilo, subite suferis nigran finon. La aristokratoj de l' poŝo timegas: kiu povas antaŭvidi en tiel nigra tempo? La homoj falas en la brakojn de nigra paniko. Kiel ni vidas, la blanka moŝto povas ne nur lunĉante lanĉi linĉon, sed ankaŭ gilotini sian propran oron. Vere nigra talento.

La blanka diablo iris eĉ pli malproksimen, en la ekstremon de Azio, kie li nuntempe vekis la koleron de la glava raso (s-ro kompostisto, bonvolu atenti, mi ja skribis *flava*, ne glava raso!). Oni ja klare vidas, ke la tieaj nigraj artifikaĵoj estas — ĉi-foje eĉ tre mallerte — reĝisoritaj de la blanka diablo. La japanoj kaj ĉinoj fine ĉesigu tiun reciprokan nigran interbuĉadon, ĉar kontraŭe — milito inter ili iĝos preskaŭ neevitebla. La blanka diablo scipovas inciti unu fraton kontraŭ la alia pro simpla nigra peco da tero kaj la fratoj malvidas tiun intencon, interbatiĝante en tiel malbela nigra maniero.

En nia amata Eŭropo jam delonge regas ja nokta nigreco. Densa mallumo kovris la tutan horizonton. Ĉi tie oni la blankan diablon facilege ja rekonas. En Ĝenevo la Digo de Nacioj ludas nigran komedion kaj ni kore ridus pro ĝi, se ĝi bedaŭrinde nin ne koncernus. Nigrajn esperojn ĝi donas al ni. Si vis pacem, para bellum — se tiu Digo de Nacioj longe ankoraŭ parolos pri la blanka paco, volante ĝin laŭ sia maniero, tiam nigra milito estas garantiebla — por ĝi, por la milito, dank' al la... blanka diablo ĉiuj estas ja preparitaj! S-ro Bazilo Zaharov povas vin bone pri tiuj preparoj informi.

Kaj en la verda movado? Nu, ankaŭ inter ni lastatempe la blanka diablo nigrigas la etoson. La organiza problemo havas tre klare videblajn nigrajn makulojn. Kiel en la Andersena fabelo, oni teksas la aferon sur malplena teksilo, sed kie troviĝas tiu fabela knabo, kiu ekkrius: La reĝo estas tute nuda! Tiuj sennombraj projektoj, ideoj, sugestoj, modifoj, ĝustigoj, aldonoj, klarigoj, protestoj k. t. p. — estas ja nura ventmuelado! Nigra labirinto, nigra kaoso. Kaj ĉiu asertas ke sole li posedas la sekreton. Nigra magio!

Jes, kara amiko Kola Ayaji. Ke la diablo havas blankan haŭton, pri tio vi sendube pravas. Sed ke li havas nigran animon, ankaŭ tio estas certega. Kaj ni ja cetere interkonsentis tiel, ĉu ne?

---

... Hungara Antologio aspektas tre bele kaj estas kontentige bindita.

*Walter Lippmann, Akademiano, Leipzig*

---

# *Amo sur la kvina etaĝo*

— *Z. Segaloviĉ* —

I.

La kvina etaĝo havas dek popersonajn ĉambrojn. Kiam oni lumigas en la koridoro la elektran lampon, videbliĝas multaj pordoj unu apud la alia, simetriaj kvazaŭ en hotelo. Sur iuj pordoj pendas vizitkartoj. Sub tiuj ĉi vizitkartoj vivas homoj...

La loĝantoj de la kvina etaĝo ne estas ankoraŭ maljunaj, sed ne estas ankaŭ junaj. Vere juna estas nur la servistino Svertŝa, kiu purigas la dek apartajn ĉambrojn. Svertŝa alportas lakton kaj preparas teon por ĉiuj loĝantoj. Ŝi laboras la tutan tagon, laboras kaj kantas, observante ĉiujn etaĝanojn. Kaj ŝi scias ĉiujn iliajn sekretojn kaj disportas tiujn ĉi sekretojn de unu al la alia, klaĉas kaj sukcesas ĉiun tiri ĉe la nazo.

Ŝi tre ŝatas priridadi la homojn, ŝi, Svertŝa, kiu alvenis ĉi tien el malproksima vilaĝo, scipovas multajn kamparajn kantetojn kaj ŝi havas sian propran vidpunkton pri la vivo. Ŝi malamas la urbon, priridas ĉion kaj ĉiun, sed plej multe ŝin ridigas la dek ekzempleroj de la kvina etaĝo.

Kvar maljunaj fraŭloj kaj ses konserviĝintaj fraŭlinoj. El ĉi tiuj ses, ĉiu opinias sin la plej juna. Ĉiu aparte estas ankoraŭ ne maljuna por si mem. Ŝarĝita de jaroj estas nur la akuŝistino, kiu loĝas en la ĉambro numero sep. Kaj la akuŝistino volas kredigi al si kaj kredigi al la servistino Svertŝa, ke ŝi estas ankoraŭ tre juna... kiom longe estas de ŝia naskiĝo? Jen nur iom...

Sed tamen, fraŭlino Leonjo tute ne estas jam juna knabino. Fraŭlino Leonjo, malgraŭ, ke ŝi estas posedantino de tiel bele sonanta antaŭnomo, havas sur la vizaĝo ankaŭ tri verukojn: du sur la maldekstra vango kaj unu sub la nazo, sur la loko, kie ĉe viroj kreskas lipharoj.. Sur tiu ĉi veruko troviĝas mallonga hareto, kiu estas nek nigra, nek bruna, sed griza — vera signo, ke fraŭlino Leonjo transpasis jam kvardek printempojn. La akuŝistino scipovas multe rakonti pri la jaroj, kiujn la konserviĝintaj fraŭlinoj portas sur siaj ŝultroj...

Pri siaj jaroj ŝi silentas. Sed ja ne silentas Svertŝa. Ŝi scipovas rakonti, ke la akuŝistino kolorigas la harojn kaj se tion ŝi ne farus, ŝi aspektus kiel avino...

II.

El la viroj unu estas instruisto, larĝŝultra sinjoro kun grandaj okulvitroj. Oni diras pri li, ke li estas tre bona instruisto, sed li ĉiam perdas siajn lernantojn pro sia tusado. Li iel nerve tusas, kio estas ĉe li tiel natura, kiel ĉe aliaj la spirado. Homo, silentulo, maljuna fraŭlo, kiu portas somere kaj vintre varman tolajon kaj ne trinkas teon sen lakto. La sola trezoro, kiun li posedas, estas granda pluvombrelo, de kiu li tre malofte disiĝas. La instruisto estas for de ĉiuj, oni povus opinii, ke tiu ĉi homo rezignis... Tamen Svertŝa scipovas rakonti, ke la instruisto, la tusulo... jes, dum la unua tempo venadis en la kuirejon mendi la teon kaj okaze restadis en la kuirejo iom pli longe kaj iel vagadis per la manoj ien en la mondon, ĝis kiam foje, ankaŭ iel li ricevis de Svertŝa vangfrapon, je kiu li respondis per tusado. Nun li tusadas jam ĉe si, en la ĉambro.

Svertŝa scipovas ankaŭ rakonti, ke ĉiun duan semajnon li venigas iun al si:

— Sed tiajn malbelajn, tiajn sulkiĝintajn...

Ofte ŝi sciigas la ceterajn najbarojn: la instruisto havas hodiaŭ feston...

Malfermiĝas la pordoj, oni elŝteliĝas, oni flustras.

Unu volus kiel eble plej multe priridi la alian. Sur la kvina etaĝo oni ne havas multe da ĝojo kaj plezuro, kaj se unu homo ne donas al la alia iom da homeco, iom da amikeco, do certe li povas ĉiam fordoni iom da galo, klaĉo kaj malestimo.

Svertŝa scipovas rakonti, ke fraŭlino Leonjo havas amanton.

La akuŝistino ekflamiĝas, ŝiaj okuloj ekbolas, kiel ĉe kato persekutanta muson:

— Svertŝa! vi mensogas...

— Vero! Kiel Dion mi amas!

— Kia li estas? Maljunulo?

— Ne, juna, tute juna.

La akuŝistino paliĝas, ŝi volus ridi, priridi, sed ŝiaj lipoj ne ripozas, kvazaŭ ili trinkus maldolĉan trinkaĵon...

— Eble vi eĉ diros, ke li estas ankaŭ bela? Svertŝa!

— Li estas bela, sed...

— Sed?

— Li vidas nur per unu okulo.



Olaf Rude *Portreto*



Victor Stretti *La edzino de l' artisto*

Nun la akuŝistino ekvivas. Se ŝi ne estus tiel multpeza kaj dika, ŝi certe ekdancus pro ĝojo. Tio, ke iu nekonata juna homo havas nur unu okulon, estas ja granda feliĉo, granda ĝojo.

— Svertŝa! Vi aŭdas... se la amanto de Leonjo estus tute blinda, estus ja eĉ pli bone por li. Ja li ne povus vidi Leonjon kun ŝiaj tri verukoj...

La akuŝistino ridas kaj la servistino ridas. Interamiĝu fraŭlino Leonjo kun sia unuokululo...

III.

Se la loĝantoj de la kvina etaĝo estus iom pli bonanimaj kaj iom pli toleremaj, oni povus fari inter ili kelkajn edziĝojn.

Sed la maljunaj fraŭlinoj neniel volas koni la maljunajn fraŭlojn kaj la maljunaj fraŭloj ne volas koni la konserviĝintajn knabinojn. Ambaŭ partioj malamas la maljunecon kaj evitas unu la alian...

Ĉiu »ekzemplero« vivas en sia ĉambro kaj malamike rilatas al la kvina etaĝo. Oni ŝlosas la pordojn kaj festas por si.

Sed, se unu volas scii pri la alia, oni venas al Svertŝa kaj ŝi scias ĉion, ĝis la lastaj detalaĵoj.

Svertŝa scias, ke ankaŭ la akuŝistino havas »unu« kaj ŝi sukcesis. Ŝia »unu« vere estas juna. Ankoraŭ juna homo. La akuŝistino ja estas riĉjara, sed anstataŭe ŝi havas bonan praktikon kaj en la banko estas ŝparita tute ne malbela sumeto...

Pri tio oni scias.

Svertŝa scipovas rakonti pri la juna homo, kiu enŝtelas sin dum la vesperaj horoj en la ĉambron numero sep, tien, kie sur la pordo pendas vizitkarto: Roza Kinderman, diplomita akuŝistino, »ankaŭ masaĝo.«

Tuj kiam la pordo ĉe la akuŝistino estis ŝlosita de interne, kuras Svertŝa rekte al fraŭlino Leonjo en la ĉambron numero tri.

— Fraŭlino Leonjo! Li jam estas ĉi tie.

— Kaj ŝi jam enŝlosis sin?

— Jes...

— Fia maljunknabino, — diras Leonjo.

— Kaj mi volas diri al la fraŭlino, ke ĉiuj maljunaj knabinoj estas fiaj...

Tiel respondas Svertŝa kaj ŝi ridetas iel memfide, ke oni nenion povas al ŝi fari pro la moko.

Fraŭlino Leonjo englutas la maldolĉan pilolon kaj kunpremas la dentojn:

— Kion ŝi pensas? Edziniĝi kun li?

— Povas esti..., li estas tamen juna, sed granda maldiligentulo kaj neniofarulo, malriĉulo. Li ĉiam venas malsata kaj antaŭ ol li foriris, fraŭlino Roza donas al li kelkajn malgrandajn monerojn...

— Ŝi volas aĉeti por si la edzon...

— Ŝi ne estas la sola — ruze respondas la vilaĝana Svertŝa.

IV.

Lastatempe la koridoro de la kvina etaĝo estas plene okupita de la akuŝistino. Ŝi plenbloviĝis kaj graviĝis. Ŝi... Ŝi havas la junhomon kaj tiu ĉi junhomo alvenas ĉiujn kelkajn tagojn. Li portas novan kostumon, novajn botojn... kaj Svertŝa scias rakonti, ke tio estas per la mono de fraŭlino Roza. En la koridoro oni flustras kaj postrigardas...

Kiam la kuirejo estas malfermita, kiam oni ekvidas Svertŝan , oni haltas kaj atendas, ke ŝi ion rakontu.

— Kion novan oni aŭdas? Svertŝa?

— Nenian... ree sensaliĝas en akvo haringoj.

Jes, vere! En la kuirejo ĉe Svertŝa ofte sensaliĝas haringoj. Fremdulo certe ne scius, kion tio signifas. Sed la loĝantoj de la kvina etaĝo konas tiun ĉi signon: la akuŝistino havas junan amanton kaj la amanto estas ĉiam malsata, kaj la amanto ŝatas haringojn, la sensaliĝintajn haringojn...

Scias ĉiuj en la koridoro, ke, se en la kuirejo ĉe Svertŝa sensaliĝas haringoj, tio estas signo, ke hodiaŭ li venos, la amanto de fraŭlino Roza: jam prepariĝas por li la festeno...

Kaj ridetas unu al la alia:

— Sensaliĝas jam la haringoj...

Ŝi estas ja maljuna, dika kaj multpeza, sed la juna homo estas malsata kaj li estas denaska parazito. Por la sensaliĝintaj haringoj li fordonas sian junecon, sian liberecon...

Fraŭlino Leonjo envias — ŝia amanto havas nur unu okulon. Se ŝi havus tiom multe da mono, kiel la dika akuŝistino, ŝi certe trovus iun kun du okuloj.

En la koridoro oni flustras kaj Svertŝa kuras de unu al la alia:

— Ili interkisiĝas. — Ŝi mem vidis, kiel ili interkisadis.

Unu la alian envias, unu al la alia volus fari ion malbonan. Oni observas. Oni esploras kaj subaŭskultas... Sed okazas foje vespero: la maljuna instruisto, la tusulo, venigas al si en la ĉambron sian amon, al fraŭlino Leonjo venas la unuokululo, sin enŝtelas al la akuŝistino la haringmanĝulo kaj ankaŭ la ceteraj pordoj estas fermitaj. Ĉiu el la loĝantoj havigis iun al si...

Kaj tiam estas silente kaj trankvile sur la kvina etaĝo.

Svertŝa sidas sola en la kuirejo, ŝi restis sen laboro. Neniu nun bezonas ŝiajn klaĉojn...

Ŝi dismetas la manojn, atendas kaj sopiras...

El la juda: *J. Dratwer*



# KINO

Redaktas: **Jean Forge-Fethke**

## *JEAN FORGE FARIĜIS FILMREĜISORO! ĈU FRITZ LANG FILMIGOS MR. TOT?*

Se oni konas s-ron Forge kaj amike rilatas al li ĉiutage, oni vere sentas bezonon skribi pri li kaj lia laboro. Mi vere ne volas fari reklamon por li. Mi aŭdas lin jam grumblanta: LM jam tro okupis sin pri mia persono, ni evitu ĉion kio povus kaŭzi malbonan humoron ĉe la Esperantistoj!

Ne, mi kontraŭdiras, kial la Esperantistoj, kiuj legis viajn verkojn, ne estu konstante informataj pri via agado? Des pli ke viaj faroj estas efektive interesaj.

Mi estas ankoraŭ malgranda Esperanta »bebo« kaj eble mi ne verkos brilan artikolon en brila lingvo, sed aŭdu, aŭdu: Jean Forge nun komencas mem »reĝisori«. Kaj nun mi ankaŭ komprenas, kial li estas tiel bonega Cseh-metoda instruisto. Li scias »gvidi« t. e. reĝisori la homojn. Mi estas konvinkita, ke la lernejo de la filmo, en kiu li estadis dum preskaŭ 8 jaroj, formis la homon Forge, lertan kaj psikologian homtraktanton (por tiel



*Sceno el la filmo de Jean Forge.*



*De maldekstre: operatoro Kaweczski, dro Lohmeyer, inĝ. Pobog, reĝ. Forge, aktoro Heine.*

diri), kaj tiu lernejo en la plej grandaj filmlaborejoj de l' mondo ne laste donis al li tiujn ecojn, kiujn devas posedi Cseh-metoda instruisto. Mi observas tion ĉiumerkrede en Berlino vizitante lian sukcesan kurson.

»Jam de longa tempo estis mia revo fari mem filmon,« rakontas la juna verkisto. »Nun fine ŝajne venis tiu solena momento, ke mi komencos malgrandan starton kiel reĝisoro. Kiel vi scias, la berlina firmo »Nationale Film Allianz« proponis al mi labori ĉe ĝi kiel reĝisoro kaj kompreneble mi akceptis. En la programo estas nun mallonga filmo kun ludagado kaj poste granda kulturfilmo »Konstruanta Germanujo.« Mi esperas ke ĉio marŝos bone. La direktoro de la firmo inĝeniero A. v. Pobog estas mia longjara amiko kaj — kio speciale interesos vin — varma amiko de Esperanto...«

»Kion vi faras hodiaŭ?« mi demandas s-ron Pobog.

»Ni turnas hodiaŭ la unuajn scenojn de la mallonga filmo kun aŭtomobilo sur malebena tereno,« li klarigas, »estas amuza historio de du junaj gehomoj, kiuj veturas per aŭtomobilo — li vendisto de aŭtoj, ŝi juna fraŭlino, volanta aĉeti la aŭton. Prominentajn aktorojn ni ne volas preni por tiu ĉi filmo — sciu, ke ĝi estas preskaŭ nia unua eksperimento, kiun ni faras.«

»Kaj Esperanto?«

Jean Forge ridetas kaj respondas anstataŭ la direktoro: »Mi volas esperantigi la tutan firmon kaj iniciati esperantlingvan varianton. Sed vi ja scias kiaj malfacilaĵoj ekzistas. Mankas la aktoroj kaj aktorinoj kaj speciale importi ilin el fremdaj landoj, tio estas tro multekosta afero. Vi ja konas mian vidpunkton: se oni farus esperantan filmon, oni devus fari ĝin unuarange, alie oni detruus multajn esperojn. Verŝajne oni devos provi unuafoje bonan sinhronigadon de jam ekzistanta filmo, sed kiu garantios finance la aferon? Tamen ni ne ĉesu paroli pri la Esperanta filmo — grava, tre grava tasko por ni Esperantistoj!«

»Mi ne parolas ankoraŭ Esperanton,« enmiksas sin inĝ. Pobog, »sed Jean Forge rakontis al mi tiajn mirindajn aferojn pri Esperanto, ke mi intencas ankaŭ lerni ĝin. Ĉiuokaze tio ne povus malutili al mi. Mi havas ĉiam la saman eble iom strangan opinion, ke la homo en la vivo — se li volas sukcesi — okupu sin pri la plej novaj kaj freŝaj problemoj kaj taskoj. En Esperanto, kio ja estas relative nova afero, mi vidas ekzemple tian ŝancon por sukceso en la vivo, se oni lerte eluzas la eblecojn, kiujn jam donas Esperanto. Malnova proverbo diras: Kiu venas unua, tiu prenas unua!«

»Mi kredas, ke la Esperantistoj ofte estas iom malpraktikaj,« diras Forge, »ili ne sufiĉe elprofitas Esperanton. Plejparte ili restas teoriaj lingvistoj aŭ »societ-grumblistoj«, kiuj apenaŭ eliras el la kadroj de l' diskutado. Sed pardonu, mi ne volas kritiki la Esperantistojn, per kiuj mi jam multon profitis en mia vivo kaj kun kies helpo mi esperas fari ankoraŭ grandajn, tre grandajn aferojn!«

Mi scias ke Jean Forge ŝatas vojaĝi kaj viziti fremdajn landojn. Kaj mi dezirus foje akompani lin, precipe al Svedujo, pri kiu li ofte, ofte rememoras.

»Mi volas fari ian spritan kombinaĵon kun filmo, Esperanto kaj fremdaj landoj,« li klarigas, »mia nigra infano Kola Ajayi ja startis en Polujo feliĉe, kiel vi scias. Prelegvojaĝoj aŭ similaj aferoj, mi kredas, plej bone utilas al nia movado...«

Ni interrompas nian diskutadon. Jean Forge konsiliĝas kun la operatoro Hugo v. Kaweczynski, bonega teknikisto, kiu turnis jam diversajn filmojn kun Fritz Lang. La sceno montras la aŭton, kiam ĝi transsaltas monteton kaj dum sekundoj flugas en la aero. Forge donas siajn



*Kapo de Mabuse*

instrukciojn al la aŭtomobilisto. La motoro de la aparato komencas susuri. La aŭto proksimiĝas fulmrapide kun brueganta maŝino, ĉio iras bone . . .

»Kaj viaj verkistaj laboroj?« mi denove komencas paroli dum la paŭzo, kiam la operatoro ŝanĝas la lokon kaj enmetas novan filmtenilon.

»Marŝas plu, devas marŝi . . .« respondas Forge.

»Kaj se vi estos reĝisoro fama, vi certe filmigos vian lastan romanon «Mr. Tot aĉetas mil okulojn», ĉu ne?«

»Ĝis la fameco estas longa vojo, kara doktoro — sed tio certe interesos vin, ke la romano nun estas presata en sveda lingvo en gazeto »Framtiden« en Malmö kaj nun estas eliranta kiel libro en pola traduko en Warszawa. Kaj krome — plej interesa novaĵo: Lang interesiĝas serioze pri ĝi!«

»Ĉu vere? La genia reĝisoro de la »Nibelungen« kaj »Metropolis«?« »Jes, imagu,« rakontas la juna reĝisoro, »mi vizitis Lang kaj lian edzinon Thea v. Harbou (lian aŭtorinon) en la filmlaborejo dum la turnado de la »Testamento de d-ro Mabuse«. Kaj preskaŭ sonas nekredeble: mi estis akceptita de ambaŭ kun eksterordinara interesiĝo! Evidentiĝis ke s-ino Harbou havas la germanan libron Mr. Tot en sia biblioteko kaj jam dufoje (!) legis ĝin kaj plurfoje diskutis kun sia edzo pri ĝia filmigo. Dum unu horo mi sidis sur la »sankta« seĝo de Lang (sur lia reĝisora seĝo, kiun li afablege proponis al mi) kaj parolis kun s-ino Harbou pri la verko. Mabuse kaj Kivikas — ambaŭ doktoroj kaj krimuloj geniaj — kia interesa paralelo!«

»Nekredeble! Se mondfama reĝisoro kiel Lang filmigus vian romanon, vi estus vere enviinda feliĉulo, ĉar verko de Lang koniĝas ja tra la tuta mondo!«

»Nu, ni ne estu tro grandaj optimistoj,« trankviligas mian entuziasmon s-ro Forge, »la afero ja ŝvebas ankoraŭ kaj iom malfaciliĝis, ĉar — la cenzuro en Germanujo malpermesis la novan filmon de Lang. Mabuse estas kriminala figuro kaj la hodiaŭaj tendencoj celas ekstermi ĉion, kio povus glorigi kaj admirigi geniajn krimulojn, kia estis ekzemple Mabuse!«

»Bedaŭrinde kaj strange, sed certe trovos sin eliro el tiu situacio. Mi vere ĝojus kaj certe ĉiuj Esperantistoj, se oni filmigus »Mr. Tot«, ĉar estas en la romano eksterordinaraj momentoj kaj eblecoj por filmreĝisoro. Mi vidis antaŭ nelonge filmon »Homoj en hotelo« laŭ la romano de Vicki Baum. La agejo estas ankaŭ hotelo kaj mi bone povas imagi filmon Mr. Tot, kiu certe pli interesus la publikon. Unu demandon ankoraŭ: ĉu vi parolis kun Lang kaj Harbou pri Esperanto?«

»Kun s-ino Harbou mi parolis tre detale,« respondas Forge, »sed pri tio mi intencas fari specialan intervjuon kun Lang, kiu laŭ siaj malmultaj eldiroj ŝajnas esti granda amiko de nia verda afero, same kiel lia edzino s-rino Harbou. Sed nun mi sufiĉe babilis.«

Per tio mi volas fini miajn informojn pri Jean Forge, kvankam mi povus rakonti ankoraŭ multajn interesaĵojn. Li estas ĉiam plena de projektoj, kiujn li volas realigi — kaj kio ŝajnas al mi plej menciinda: ĉe ĉiuj projektoj li ne forgesas Esperanton!

*D-ro W. G. Lohmeyer.*

---

Mi ricevis la elegantan kaj plaĉe aspektantan volumon »Hungara Antalogio«. *Eŭgenia Morariu, Cluj*

Mi ricevis »Hungaran Antologion«. Mi ne povas deteni min esprimi al vi mian ĝojon. Ĝi estas libro belaspekta, elegante bindita, kaj bonege presita. Mi do tre dankas al vi: mi kontentas esti ano de AELA kaj ne povas kompreni kial ne ĉiuj esperantistoj jam aniĝis . . . Vivu AELA kaj mil gratulojn. *G. Saget, Elbeuf*

---



*Sceno el la »Testamento de dro Mabuse«.*

# MIA ANGULO

— JULIO BAGHY —

## La vagabondo kantas . . .

1

*Se sunon havas lia voj'*
*kaj sorto lin favoras,*
*la vagabondo pro la ĝoj'*
*per kanto oratoras.*

*Se ombron havas la kupol'*
*de lia firmamento,*
*li kantas, kantas por konsol'*
*kun korkaresa sento.*

*Se vergas lin la Di-sinjor'*
*kaj vivkolero muĝas,*
*kun siaj vundo kaj dolor'*

*al kantoj li rifuĝas.*
*Egale estas la motiv',*
*se ĝardenisto plantas . . .*
*Dum krucportado en la viv'*
*la vagabondo kantas.*

2

*Nur migri, ĉiam migri, migri, for,*
*postlasi ĉie iom el la kor',*
*al hejm' sopiri ekster hejma ter',*
*sed hejme sklave revi pri l' liber'*
*kaj ree kuri for ĝis spira halt'*
*de ombra fundo al sunriĉa alt';*
*jen vivo mia: migro kaj sopir' . . .*
*Celperda halto kaj celserĉa ir'.*

*Forviŝi fremdan larmon per konsol',*
*sed lasi flui propran en la sol'*
*kaj arlekeni kun kaŝita larm'*
*por senti korkareson de korvarm',*
*dividi min kun donacema sent'*
*kaj poste vei pro l' malfrua pent';*
*jen sorto mia: dono kaj ricev' . . .*
*Semado vana, senrikolta rev'.*

*Al mi nur vortoj ŝajnas ĉio jam:*
*ideo, celo, bono, vero, am' . . .*
*Mi scias, ke la tuta glora mond'*
*nur estas en dezerto seka font'.*
*Por ĉerpi el ĝi, por vivteni nin*
*la proprajn sentojn verŝas ni en ĝin.*
*Fatalo: klara vido, blinda mir' . . .*
*Infera sobro, migro en delir'.*

3

*Por kio vivas la poeto?*
*Prikanti revojn de l' anim'.*
*Li ehas trilon de birdeto*
*en vivarbar' por ravi nin.*
*Sed dum flagrad' de venĝoardo,*
*dum sabrotint', kanona bru'*
*en li mutiĝas tuj la bardo,*
*rifuĝas li, ne kantas plu.*

*Li kaŝas sin kun korotremo*
*simile en tempest' al bird'.*
*Priploras arde lia ĝemo*
*barakton sangan de la virt'.*

*Senehe en la uragano*
*al sia kredo kun fidel'*
*li tamen kantas pri l' homamo,*
*atendas sunon de l' ĉiel'.*

*Sed se la sango lin inspiras,*
*li grakas — ve! — kun korvokri'.*
*La kompatinda nur deliras*
*pro febraj bildoj de l' vizi'.*
*Dum lia kanto la sangfonto*
*fariĝas larĝa sangriver',*
*leviĝas el kadavroj monto,*
*mortveas tero pro sufer'.*

*Post hor' freneza pasos febro,*
*paciĝos mond', fordormos ard',*
*sed li ĉiame kun funebro*
*priploros morton de la bard',*
*ĉar liaj kantoj ne plu sonos*
*karese el la korprofund';*
*ĉar ĉiu kanto ja fantomos*
*stigmita de kormurda vund'.*

*Poetofratoj, kantobirdoj*
*en denso de la vivarbar',*
*ni himnu nur pri koraj virtoj,*
*pri pac' mirakla por homar'.*
*De venĝinspira sanga reto*
*rifuĝu ni kaj estu for!*
*Por kio vivas la poeto?*
*Por semi amon en la kor'.*

# La teatro de l' amasoj

## Projekto de simultana teatro

— Zigismundo Tonecki —

La teatra arkitekturo ne progresas jam de kelkaj jarcentoj kaj niaj teatroj imitas verdire la pompajn formojn de l' itala operejo de la XVII. kaj XVIII. jarcentoj, kiam formiĝis la modelo de l' teatro kun ties trilatera »sceneja kesto«. La arkitekturo de la teatro, droninte en baroko, pruvas nur malinventemon, kiun ĝi anstataŭas per ludo de eksterajaj efektoj, per balasto de ornamoj kaj dekorajoj. En ĝi regas postulato — ĝisnun tiom oftega — kiu postulas ne tiom la utilecon en la aranĝo de l' teatro, kiom la imponan estetikecon, »belan«, riĉan kaj monumentecan.

La rezulto de tiuj »artaj« tendencoj estas la nuntempa teatro. Gia divido je orkestro kaj reprezentaj loĝioj unuparte kaj je amfiteatro duaparte estas nur esprimo de socia malegaleco kaj rememorigas la tipan teatron »kortegan« el la tempoj de l' absolutismo, kiam oni severe gardadis pri l' apartigo de la sociklasoj. Ĉiuokaze ĝi ne estas teatro demokratia, destinita por la plej larĝaj amasoj de rigardantoj, sed teatro malvaste burĝa.

En la malvastaj kadroj de la »kortega teatro« sufokiĝadis ĉiu pli kuraĝa iniciato por la nova koncepto de l' spektaklo. La revoluciaj enscenigantoj devis uzi paliativojn en la formo de multekostaj scenkonstruajoj, konstruataj laŭnecese por ĉiu aparta spektaklo kaj kies efemera vivo finiĝis kun la vivo de la koncerna dramverko. Gi estis kompromiso, ĉar ĝi plilarĝigadis nur la limigitajn eblajojn de la »kesta« sceno trilatera. Cetere la kontakto, kiun tiu maniero de enscenigo celis permesi al la aŭskultantaro (pontoj, transversoj, ŝtuparoj k. a.) estis nur fikcia.

Nur kun la lastaj tendencoj de la moderna arkitekturo, tendencoj, kiuj akcentas ne la reprezentan karakteron de la konstruajo sed ties konstruan tendencon racian, venis la vera solvo de la problemo de sceno kaj teatro. La novaj elementoj en la konstruo de l' scenejo, aŭskultejo kaj tuta konstruajo, esence ŝanĝis la aspekton de la moderna teatro, farante el ĝi unuecan organismon, potencan maŝinon por la amasspektakloj.

La novaj projektoj alfluantaj de ĉiuj flankoj elirigas la teatran arton el la ĝenantaj kadroj de la tradicia »trilatera scenkesto«. La malamo kontraŭ tiu malvasta kaj maloportuna »Guckkastenbühne« (»spektaklokesta scenejo«, kiel ĝin baptis germanoj) sugestis al Rheinhardt la ideon de l' eliro el la teatro en cirkon kaj fine la ŝanĝon de la cirkareno en la liberaeran teatron (la festoj en Salzburg).

Meyerhold, kiu neas la tradician scenon kun ties kurteno, konstruis propran scenejon (ekz. en »La tero ribelas« de Trjetjakov, laŭ la dramo de Martinet »La nokto«, ludita en Parizo de la »Artista Falango«; simile en »Trusto DE« laŭ Erenburg, en »Mandato« de Erdman, en »La revizoro« de Gogol k. c.) Cio ĉi tamen ne kontentigas lin, ĉar malgraŭ la interesaj rezultoj, kiujn li atingis, li sentas la ĝenantajn kadrojn de la malnoviĝinta teatrokonstruo.

La eksplodema talento de Piscator volas akceli la kompletan esprimon de l' enscenigo per muntajo sur la ordinara scenejo, kiun li dividas (vertikale kaj horizontale) en ses aŭ ok malgrandajn scenetojn ligitajn per kinematografa ekrano ekz. en la dramo de Toller »Hopla,



*Sceno el la »Historio de Peko« de Zeromski. Pola Teatro Reĝisoro: Schiller. Dekoracioj: Sliwinski*

ni vivas«, el kio rezultas spektaklo prezentanta preskaŭ kompletan kontinuecon de agado.

Simile, la pola reĝisoro, Leon Schiller, en siaj grandiozaj enscenigoj de l' »Periferio« de Langer, de la »Krimuloj« de Brückner kaj precipe en la enscenigo de 42 bildoj de la »Historio de peko« de Stefan Zeromski (Jeromski), bildoj, kiuj alternas en ritmo preskaŭ kinematografia — puŝis tiun ideon ĝis ĝiaj ekstremaj eblajoj.

La moderna tekniko komencas ludi ĉiam pli gravan rolon en ĉiuj ĉi prezentadoj. Ĝi invadis ne nur la detalajojn, sed iom post iom fariĝas unuaranga krea elemento. Tio evidentiĝis precipe en la Teatra Ekspozicio en Vieno en j. 1924. Ĉiuj ekspoziciitaj planoj kaj modeloj rivelis malkvietigan fantazion kunigitan kun rafinita inventemo. La plejgravajo, kiu evidentiĝis el la tuta ekspozicio — estis la batalo kontraŭ la tradiciaj formoj de la scenejo, de aŭskultejo, de la tuta teatrokonstruo.

La kurtenon, tiun virgulinan membranon de fraŭlino Melpomene, tiom longe gardatan kun ĵaluzeco, forigis en sia revolucia impeto la renovigantoj de la rusa teatro. Ĉi tiu ago rejunigis la maljuniĝintan Muzon, kiu nun — plena de vigleco kaj temperamento — retrovis sian vivecan kontakton kun la vastaj amasoj de l' rigardantaro.

Oni ne devas miri, ke la rusa iniciato fariĝis epidemio: la bonsukcesa forigo de la kurteno provokis kompletan detruon de la tradicia scenejo. La Viena ekspozicio pruvis tion definitive. La ekspoziciitaj modeloj kaj projektoj forigis la tradician dividon je scenejo kaj aŭskultejo, tendencante al la kompleta unuigo de ĉiuj ĝis nun apartigitaj kaj diserigitaj partoj de la teatra konstruajo. La saman tendencon evidentigas ĉiuj modernaj artoj plastikaj, precipe la pentrarto, kiu pasas de la stablo-bildo al la spacpentrajo, forĵetante la artefaritan limon, la kadron, kaj celante la realigon de intima kuniĝo kun la ĉirkaŭanta mondo.

Tamen la troigita teknika virtuozeco de la Vienaj modeloj, kiuj abstrakciis sin de la sociaj bezonoj de l' epoko, ne donis konvinkajn rezultojn praktikajn kaj neniu el tiuj modeloj estis realigita.

Veran progreson en tiu senco donis la projekto de arkitektoj Perret kaj Granet, realigita en j. 1925 en la Teatro de l' Ekspozicio de Ornamartoj en Parizo. Ilia ideo de la triparta scenejo (meza scenejo ĉirkaŭita de du flankaj scenejoj) estis evoluigo de projekto konstruita de arkitekto Van de Velde por la Ekspozicio de »Werkbund« en Kolonjo en j. 1914.

En j. 1926 la fama arkitekto germana Walter Gropius impresite de l' eksperimento de la teatro de Piscator, kreis modelon de »tuteca teatro« (»Totaltheater«) Lia koncepto de triparta sceno kun siaspeca movebla areno, celis krei organismon, kiu pro sia konstrua multflankeco ebligus la plej diversajn kaj plej kuraĝajn enscenigojn.

Dume, paralele al tiuj fruktodonaj penoj, naskiĝas teatroj, en kiuj la lastaj konkerajoj de la tekniko akcentas nur la falsan konstrukoncepton. La lasta »templo de l' arto« en Parizo, la teatro Pigalle, estas frapanta ekzemplo. La nova eksterajo kovras ĉi tie malnoviĝintan konstruideon kaj pro la snoba tendenco al strangeco, ĉiuj admirindaj teknikaj aranĝoj nur pligravigas la ĝeneralan malsukceson. Tiel ekzemple la lumo, kiu dank' al la potenca kaj nova maŝinaro povus iĝi krea elemento de l' enscenigo, fariĝis ilo de vana kaj supraja efekto, de mirinda ilumino, en kiu oni »faras« atmosferon, cetere tute fikcian kaj artefaritan.

Jen tamen naskiĝas nova projekto de Pronaszko kaj Syrkus (Varsovio). Ĝi diferencas de la teatroj modernaj kaj ĝenerale de la tradicia kaj malnoviĝinta tipo de la teatro. Ĝi ne estas la sola projekto de la »teatro simultana«, ĝi distingiĝas tamen inter la aliaj, donante vere modernan koncepton de ĉiuj elementoj (ekonomiaj, sociaj, teknikaj, konstruaj kaj artaj) de la nuntempa teatro de amasoj.

Ĝin konsistigas plastike potencaj blokoj kun grandaj vitrumitaj surfacoj, apogiĝantaj je ferbetona skeleto. Per sia simpleco, harmonio kaj manko de ornamoj ĝi proksimiĝas al la klasikaj modeloj grekaj kaj japanaj. Realigite, ĝi imponus per siaj dimensioj. La tutajo okupus spacon de 8.000 m², la alteco de la fasado atingus 50 metrojn, t. e. 12 ĝis 15 etaĝojn.

Multnombraj pordegoj, liftoj, ruliĝantaj ŝtuparoj okaze de brulego ebligas rapidan evakuadon. Amfiteatra salonego povas enhavi 3.000 personojn. La sama kupolo ampleksas aŭskultejon kaj scenejon, formante kvazaŭ grandegan konkon, kies kurbo rezultas de ekzaktaj kalkuloj laŭ metodo de M. Lyon, realigita en la nova salonego de Pleyel en Paris.

Sed la krea inventemo de l' aŭtoro de la modelo de



*Sceno de la »Periferio« de Langer. Pola Teatro Reĝisoro: Schiller. Dekoracioj: Sliwinski*

l' nova teatro riveliĝas precipe en la konstruo de la scenejo, kiu sendube estas ties plej interesa parto.

Ĝin konsistigas senmova antaŭscenejo (proscenium), sub kiu lokiĝas la orkestro, kaj du scenejoj moveblaj, siaspecaj cirklaj zonoj moveblaj. Ĉi tiuj moveblaj, larĝegaj ringoj ruliĝas ne kiel la scenejoj turniĝantaj ĉirkaŭ sia akso, sed ĉirkaŭas la salonegon kaj rondiras en la sama aŭ en du diversaj direktoj. Ilian iradon povas reguladi la reĝisoro laŭ la bezonoj de la spektaklo.

Antaŭ la okuloj de la rigardantoj aperas grandega scenejo sur kiu pasas moviĝantaj ringoj, malaperante sub la amfiteatra salono, kie oni samtempe ŝanĝas la dekoraĵojn. Tiamaniere oni povas realigi la seninterrompan kontinuecon de l' agado.

Se ni imagas ankoraŭ, ke tiuj ringoj havas duarangajn scenejojn ruliĝantajn kaj moveblajn estradojn, ni komprenos, kiamaniere la konstruintoj de la modelo ebligis al la reĝisoro ĉiuflankan ekspluaton de movado de aktoroj kaj figurantoj.

La scenejo donas do al ni la maksimumon de dinamismo: la rondiran dudirektan movadon de la ringoj, la turniĝan movadon de malgrandaj scenejoj ruliĝantaj kaj la vertikalan movadon de pluraj estradoj.

La nuntempa rigardanto, koruptita per kino, postulas vidsensaciojn; la inventema lokigo de multnombraj lumcentroj ebligas la kompletan ekspluaton de la lum-



*Teatroprojekto de Pronaszko-Syrkus. Ĝenerala aspekto*

elemento. La lumo ĉesos esti »ilumino« de la spektaklo kaj komencos labori kun la aktoro, fariĝante unu el la plej potencaj elementoj de la teatro.

Kiam potencaj motoroj ekmovos la ruliĝantajn ringojn, kiam la grandegaj reflektoroj ĵetos lumon en la spacon, ni ricevos ne nur kontinuecon de l' agado, sed ankaŭ la rapida alternado de l' bildoj similos pro sia dinamismo al filmo kaj la teatro, al kiu la entuziasmuloj de l' kino profetas morton, fariĝos... filmo parolanta, sed kolora kaj tri- eĉ kvardimensia, ĉar la regulebla rapideco de scenringoj kaj estradoj enkondukos, samkiel la moderna scienco, la kvaran dimension — la tempon.

Tiel do la teatro fariĝas instrumento plej adaptebla, kiu per sia elasteco ebligas plej komplikajn kaj kuraĝajn enscenigojn.

La aŭtoroj de la pola projekto kunigas en la sama konstruunuo la aŭskultejon kaj la scenejon. Ili kreas »spacinstrumenton«, plurdimensian spektaklon, kiun regas simultaneco, respegulanta en plastika, vivplena reliefo kompleksojn de simultanaj fenomenoj. Tiu komplekso enhavas kiel elementojn la ludon de aktoroj, de lumo, de sono k. t. p., elementojn kunordigitajn per la krea tendenco de la komuno de aktoroj kaj rigardantoj.

La rolo de l' reĝisoro komplikiĝas treege. Lia tasko estos la kunordigo de l' enscenigа kompozicio en spaco kaj tempo kaj la kreo ne de la artefarita »atmosfero« de la burĝa teatro, sed tiu de forta, kolektiva arttendenco por fermi en arta tuto la sinhron-sinoptikan kaj simultanan amalgamon de tiu teatro.

Oni ne devas timi, ke ĉiuj ĉi teknikaĵoj kaj la rafinita maŝinaro sufokos la Parolon. La dramoj de l' estonteco anstataŭ la *kvanto* preferos la *kvaliton* de la vortoj. Ni bezonas parolojn frapantajn kaj ne torentojn da vortoj, ne la parolinundon de la hodiaŭa »psikologia« teatro. La vidimpresoj, intensigitaj per la potenca tekniko, ne sufokos la parolon, sed emfazos ĝian valoron, forjetante la troigitan babilemon.

Kunordigo de la parolo kun vidimpreso en la spaco: jen la evolua vojo de la hodiaŭa teatroarto. Se la teatro, marŝante al tiu celo, volas pliriĉiĝi per la perfektigoj teknikaj propraj al kinematografio, oni ne devas vidi en tio konkuradon kun la filmo, ĉar en tiu kazo la teatro ne konkuras kun la filmo, sed servigas ĝin al si kaj siaflanke apogas ĝin, tendencante al tiu unueco de l' arto, kiun ni ĉiuj jam nun antaŭsentas.

La perfektigita tekniko de la teatro de Pronaszko kaj Syrkus antaŭiras la dramverkadon kaj superas ĝin. Tiu tekniko celas stimuli la artproduktadon, fariĝante ties rivalo kaj malfermante al ĝi novajn horizontojn kaj novajn vojojn de disvolviĝo.

La iniciato de la polaj arkitektoj volas esti stimulilo, kiu igos la dramarton forjeti sian aktualan senpovecon, kaŭzitan interalie de la limigitaj eblaĵoj de l' scenejo tradicia.

La modelo de la nova teatro ne perdas la kontakton



*La sama teatro iluminita dum nokto*

kun la realeco, kiel la antaŭaj kreaĵoj — male — ĝi malfermas larĝe la kadron de l' enscenigaj eblaĵoj, ĝi malfermas grandiozajn perspektivojn antaŭ la realigontoj de la estontaj spektakloj amasaj, por kiuj ĝi estas destinita.

Ni devas akcenti, ke la teatro de Pronaszko kaj Syrkus estas ne nur penego celanta vivigi la scenejon statikan, sed ankaŭ, kaj precipe, feliĉa provo aktivigi la rigardanton.

La simultana teatro estas produkto de l' profundaj sociaj bezonoj kaj kolektivaj tendencoj de l' nuntempa arto. Ĝi estas la teatro de la amasoj, realiganta kontakton de tiuj amasoj kun la arto per direkta kaj intima partopreno de la rigardanto en la sceneja agado.

El la pola: *M. Arco.*

# OBSERVO

(X.) SINCLAIR LEWIS: ANN VICKERS. La kerno de ĉiu lia verko estas granda kaj peza antagonismo. Du tipoj staras unu kontraŭ la alia: la amaso de la ordinaraj, regulaj normalaj homoj kaj la individuo, kiu estas pli valora, pli honesta kaj pli saĝa, ol tiu. Tiu ĉi antagonismo, kiu estas eterna kaj homa, nenie estas tiel akra, nenie ĝi kunportas tiajn senindulgajn sekvojn, kiajn en Ameriko, en la imperio de la regulaj ordinaraj homoj

»fabrikitaj sur kuranta rubando«, aŭ kiel ili diras: *regular fellow*-oj. Ĉi tiuj regulaj homoj senkondiĉe akceptas la estantan socian ordon, ili estas prudaj, grandmienaj, entuziasmas pri dolaro, aŭtomobilo, sporto, ŝajnaj rezultoj, kaj instinkte abomenas ĉiujn, en kiuj ili flaras malajn tendencojn. Ili abomenas la intelektulon, la *highbrow*-on kaj eĉ plie abomenas lin, se li estas ankaŭ *crank*, t. e. li suferas de soci-pliboniga manio. La vivo de tia homo ne estas paradiza en la amaso de la *regular fellow*-oj de Sinclair Lewis. Precipe ne, se tiu ĉi pli saĝa, pli honesta, pli kuraĝa kaj pli aktiva homo estas virinseksa.

La grandmienan kaj prudan ordinaran homon kun brilaj karikaturlinioj eternigis Lewis en la »*Babbit*«, en la »*Elmer Gantry*« kaj ĝenerale en pluraj figuroj de ĉiuj siaj grandskalaj, epikaj romanoj. Pri la alia tipo li pentris belegan kaj poezian portreton en iu sia plej bela skribo: en »*Arrowsmith*« kaj nun en »*Ann Vickers*«. *Ann Vickers* fariĝos dum kelkaj monatoj ĝenerala tipo, same kiel fariĝis ĝenerala tipo dr. Arrowsmith. Sed, el absoluta arta vidpunkto la figuro de Ann Vickers estas eble eĉ pli delikata kaj pli komplika, ol tiu de Arrowsmith. Ĉar Ann Vickers estas virino, kaj ĉi tio portas novajn, riĉajn kaj ekscitajn elementojn en ŝian problemon. Ŝi estas eble la plej bela virina figuro de la plej nova anglasaksa literaturo. Pri ŝi la virinoj povas esti fieraj, ĉar se ekzistas grandskala virino, riĉa de profundaj homaj valoroj, ŝi estas Ann Vickers. En ŝi kreskis la proporcioj. La malgranda urbo (kie okazas la romano): estas la tuta amerika socio kaj Ann Vickers batalas per la fanatismo de l' menso kaj honesto kontraŭ la pezaj kulpoj de tiu ĉi socio. Ŝi batalas kontraŭ la mizero, kontraŭ la subpremo de l' malriĉuloj kaj virinoj, por la ama egalrajto kaj ĉefe kontraŭ la terura misuzo de la juĝdona sistemo kaj kontraŭ la malliberejoj. Kaj tra la paĝoj malvolviĝas senfine abunda, riĉa skalo de la plej subtilaj homaj sentoj kaj sentimentnuancoj. Lewis, la sobra, realema verkisto, post la kelkaj ĉapitroj de l' »Arrowsmith«, montras vere ĉi tie, kiom li estas ankaŭ *poeto*. Ĉar nur vera poeto povas verki kaj hardelikate traanalizi tiujn animajn krizojn, kiam krucas en ŝi la vojoj de la socia reformisto kaj la virino. Tiu ĉi libro estas senfine profunda kaj vera analizo ne nur de la socio, sed ankaŭ de la amo. Pri la anima kaj ama vivo de la virinseksa granda homo, havanta krean rolon en la publika vivo, neniu verkis ankoraŭ tiel grandstile belan kaj katenantan libron. De post la Nobel-premio ĉi tiu estas la unua libro de Lewis, kaj li pruvis per ĝi, ke li estas inda por la plej granda literatura distingo de l' mondo. La nova Sinclair Lewis-libro estas grava mondliteratura okazajo.

---

... Pri la sendado de AELA-libroj mi devas konfesi, ke ĝi estas zorge farita kaj la libroj plene kontentigas nin, eĉ superas ĉion, kion ni atendis...

*Generalo Jan Rambousek, České-Budejovice*

... Hungara Antologio estas impona verko...

*H. Halldor, sekr. de Eldona Societo Esp. Stockholm*

---

LOUIS-FERDINAND CÉLINE: VOYAGE AU BOUT DE LA NUIT. (Vojaĝo al la fundo de la nokto.) L. F. Céline, laŭ la vera nomo: *Dr. Destouches*, malriĉa antaŭurba kuracisto, fariĝis subite fama homo; ne tiom per tio, ke li gajnis la *Renaudot*-premion, sed per tio, ke li ne gajnis la *Goncourt*-premion. La intrigoj, ĉiujare renoviĝantaj ĉirkaŭ la Goncourt-premio, turnis la atenton fine al vere nekonata kaj eksterordinara talento.

»Vojaĝo al la fundo de l' nokto«, en la profundojn de la homa vivo... La barakto de senmona junulo en la suferoj de l' milito, inter la terurajoj de l' kolonioj kaj fine, post kiam li akiris sian kuracistan diplomon, — en la malpurajoj kaj koruptajoj de l' antaŭurbo. Ne romano estas tiu ĉi libro, sed ĉio alia: miksaĵo de konfesoj, amara liro, satiro kaj pamfleto, kio nin tragike kuntrenas, suprenkirlante ŝlimon kaj koton kaj nur tiam ĝi platiĝas, kiam la verkisto volas fari tamen romanon en la dua duono — kun regulaj implikoj kaj epizodfiguroj. Ĉi tio rompas la unuecon kaj fundamentan ideon de l' libro, prezentanta al ni la individuon, kiu kontraŭiras la tute nezorgantan pri li mondon kun la plej sovaĝa kaj plej cinika sinteno.

Ni legis multajn librojn pri la milito, sed neniam tiel tragikan kaj malluman.

*Bardamu*, la heroo de Céline, taksas nur la vivon kaj volas savi nur sian haŭton. Li havas kuraĝon por diri: »Mi pensas, ke koncerne min povas veni la germanoj, ili povas murdi, prirabi kaj bruligi ĉion, la hospitalon, la sukerajojn, Lolan, la Tuileriojn, la ministrojn kaj iliajn favoratajn junulojn, la Akademion, la Louvreon, la bazarojn; ili povas plenokupi la urbon, surŝuti la fulmon de dio, la fajron de l' infero sur ĉi tiun putran foiron, ol kiu pli malpuran neeble imagi; mi nenion povas perdi per ĉio ĉi, nur gajni«. Ne estas simpatia sinteno, sed *Céline-Bardamu* ĝuste tiel malmulte serĉas la simpatiojn, kiel la persekutata sovaĝbesto. Lia vivo estas serio de la elektitaj aventuroj — zigzagiro inter la mizeroj de l' mondo: hospitalo, kie la ĉefkuracisto volas resanigi la nervomalsanajn soldatojn per patriotaj frazoj; kolonioj, kie li devas labori por ekspluatanta entrepreno; galero, kien li venis dum sia sveno; Ameriko, renkonto al sia malnova amatino Lola, sed ŝi ne volas lin rekoni en liaj ĉifonoj; Ford en Detroit: ĉapitro de l' infero. Animmurda, nervodetrua laboro, kiun enlumas la sola brilradio de l' libro, la figuro de la eta stratulino Molly (Céline estas sentimentala en la profundo de l' koro, kiel ajn li neas tion). Fine ree Eŭropo: li finas siajn kuracistajn studojn, komencitajn antaŭ la milito; li sentas ke la studado redonis al li la animan ekvilibron kaj li ekloĝas en antaŭurbo. Kaj nun venas la plej mallumaj kaj plej troigantaj paĝoj de la libro. Kion malpuran, malsanan, malbelan havas la vivo, perversajojn, kulpojn, malaltajn pasiojn, tio ĉio kroĉiĝas en la vivon de Berdamu. Li sentas, kiel li falas, ĉiam pli kaj pli suben, por fariĝi fine malgraŭvole senkulpe la partoprenanto de murda intenco.

La libro estus fariĝinta multe pli perfekta, se ĝi finiĝus ĉi tie, sed ŝajnas ke Céline volis fari ĝin romano, por tio li senfine komplikas kaj ŝarĝas per novaj terurajoj ĉi tiun krimon, ĝis revolverpafo faras finon al la tuta implikaĵo.

Ĉi tiu *grand-guignol*-historio estas la plej malforta parto de la verko. La nuna voĉo, la nuna stilo de Céline estas terure kruda, la leganton ofte ĝenas, precipe en la unua parto de l' libro, cinika, vulgara kaj obscena esprimmaniero, tamen, kaŝite, tiomfoje elvibras — varma liro, vera homa kompato, ke tiun ĉi krudecon ni fakte povas akcepti malesperiĝo, kiun la verkisto volas personigi en Bardamu. Destouches-Céline ne estas tiu sovaĝa bandito de la literaturo, kiu li volas ŝajni. Ni legas, ke nun li laboras pri pluraj romanoj. Ni atendas ilin kun la plej granda interesiĝo.

*K. B.*

(X.) GEORG FINK: MI ESTAS MALSATA. La plej granda germana librosukceso estis en 1931. tiu ĉi romano de Georg Fink. Kiel ni legas, siatempe la verkisto, ĝis tiam nekonata, sendis sian romanon al la »Berliner Tageblatt« kaj en la akompana letero li skribis, ke tiu ĉi

verko estas lia biografio kaj sciigis ke li ne eltenas plu la vivon kaj mortigos sin. La granda germana ĵurnalo ekstervice komencis publiki la romanon kaj la malfeliĉa Georg Fink subite fariĝis fama verkisto. Kortuŝa, potencforta estas tiu ĉi libro en sia simpleco, kiu rakontas kun neserĉitaj vortoj la suferojn de la mizera, senpova proleta knabo. Ĝi estas monumenta akuzskribo kontraŭ la socio, sen tio ke oni povus ĝin nomi agito kontraŭ aliaj klasoj, ĉar universala granda amo trapulsas ĉiun linion. La konsterna vizio de la dezertaj bildoj de l' senlima mizero ekvivas en la animtuŝa romano, kiu signifas la triumfan aperon de nova talento. Fink prikantas ne la kulturitan, memfidan, fortan, prosperklopodan proletaron, sed la »kvinan klason«, la eternajn malriĉulojn, kiuj neniam ĉesos almozpeti, kies neforigebla fato estas la mizero, sen elirvojo por ili. Li verkas pri la malfeliĉaj malriĉuloj. »Nur pri tiuj, pri kiuj oni ne povas helpi. Kaj eĉ Dio ne. Ne ekzistas Dio, kiu kuraĝus malleviĝi en tian mallumon de sia kreo, kie la rato rifuĝas sur la bruston de la homo, por tie varmiĝi; kie la patrino traserĉas la kestojn de kuirrubaĵoj en fremdaj kortoj, por trovi por sia infano pecon da ŝima pano... Tamen, se en tiu ĉi mondo estus nur *amo* por ili: eble ili spirus pli libere...« — skribas la verkisto kaj diras kun granda, universala respondeco kaj kun la sankta sento de senfina kunaparteno: »Dum mi sidas ĉi tie kaj skribas, oni ankoraŭ ĉiam almozpetas en Berlino kaj Parizo kaj Amsterdamo, kaj *mi* estas, kiu almozpetas, ĉiam mi, la senmorta infano de l' malriĉuloj. Neniam ĉesos ĉi tio, mi jam longe estos mortinta kaj ankoraŭ ĉiam staros ĉe la stratangulo eta, malsata, frostanta knabo — kaj vi preteriros lin — oni ne vidas kaj ne aŭdas lin — kaj li, kiun evitas viaj okuloj, kiun vi ne aŭskultas, pale, tremante flustradas malantaŭ via dorso: »Mi estas malsata... Mi estas malsata...«

... mi certe povas diri, ke la aspekto de la libro estas bonega... nun post apero de la unua libro oni povas rikolti multajn membrojn. *C. Goldsmith, sekr. B. E. A.*

(X.) DOS PASSOS KAJ LA MILIARDULA EDZINO. Thomas *Mann* diris pri »Tri soldatoj«, la plej nova libro de *John Dos Passos*, ke *Remarque* estas, rilate al Dos Passos, malbona, komencanta ĵurnalisto. Kaj vere: tiu giganta bildo, kiun prezentas al la mondo en sia libro tiu ĉi juna verkisto, aperas en tute aliaj koloroj kaj formoj, ol la iom monotona verko de *Remarque*. La vivo de tri soldatoj estas tiu ĉi libro, — tri amerikanaj knaboj, transvenintaj la oceanon. El ili nur unu venis en la plej antaŭan frontlinion, — la du aliaj pasigas la militon malantaŭ la fronto en sanista servo, — tamen, en iliaj nervoj, spinoj kaj sentoj restas ĉiu teruro kaj ĉiu turmento. Antaŭ la multkolora fono de la milita Parizo kaj Francujo desegniĝas per akraj konturoj la bildo de la turmentita, maltrankvila juna amerikano, revanta pri libero kaj homaj valoroj, kiu fuĝas tiam, kiam li sen tio jam preskaŭ liberiĝis kaj kiu, laŭ la fato de l' fuĝintoj, falas en morton.

La librojn de Dos Passos oni multe konas tra la mondo (*Manhattan Transfer, 42 d Parallel, Nineteen×nineteen*), sed tre malmulte oni scias pri lia vivo kaj individuo. Jen pri li interesaj kaj ĉarmaj strangaĵoj.

John Dos Passos estas ekstrema socialisto. Sekve strange karakterizas lin, ke li edziniĝis miliardul-fraŭlinon, el la plej eminenta kaj plej fermita Bostona societo. Koncerne manĝon-trinkon li estas ekstreme senpretenda. En *Pasadena* li loĝas en malgranda *bungalow*, kiun li mem faris, — sed li estas tiom vanta, ke malgraŭ lia plurdioptria miopeco li ne uzas okulvitrojn sur la strato kaj preteriras sensalute siajn plej bonajn amikojn. Ĉiutage li laboras 14 horojn, sed dum festvesperoj kaj kunvenoj post ĉiu duona horo li elfuĝas, ĉar li ne eltenas longe la ĉambran aeron.

Pri la aŭtoro de la kuraĝaj kaj grandskalaj Dos Passos-libroj ĉi tiuj estas nepre strangaj notoj.

PRI LA BILDOJ. La »Memportreto« de *Dudu Alexandrescu* kaj la »Portreto« de *Marius Bunescu* (ambaŭ rumanoj el Bucuresti) denove substrekas la oftan konstaton, ke, kvankam Rumanujo geografie apartenas al la Balkano, ĝia arto estas tamen prefere *Pariza*. La klarigo de ĉi tio estas, ke la tuta juna rumana artista generacio edukiĝas en Parizo. Jen la kaŭzo, ke iliaj verkoj tiom malhavas la »lokan koloron«. Ili povus loĝi ĉu en Parizo, ĉu en Bucuresti; kaj ili povus esti francoj same, kiel rumanoj. Tamen ne estu miskompreno — la rumanaj artistoj ne estas senkritikaj kopiantoj de la franca figuranta arto, ni nur devas konstati, ke la nacia karaktero ne estas sufiĉe sentebla en iliaj verkaĵoj. Ili estas tre talentaj, sed ili ŝajnas kosmopolitoj; kaj ĉi tio estas virto laŭdinda preskaŭ en ĉiu formo de la vivo, nur ĝuste ne en la arto.

*Olaf Rude*, kies pentraĵon »Portreto« ni nun publikas, estas dana pentristo kaj memorigas pri *Van Gogh* per siaj decide fortaj bildoj. Li apartenas al la ne multaj artistoj plej ofte citataj de la moderna dana pentrarto. En lia vira portreto, pentrita en 1928., estas rekonebla la efiko de l' franca impreso, sed la forta individuo de *Rude* iel solvas ĉi tiun efikon, li perceptas pli facile kaj iom pli serene la esprimendan artan tezon.

*Victor Stretti* estas Praha pentrartisto, en kies bildoj interese miksiĝas la riĉlinia dekoracieco kun la forta, preskaŭ krudimpresa karakterpentro. *K. B.*

## John Mabon Warden
### prezidanto de la Akademio

mortis en la aĝo de 76 jaroj. Lia morto estas grava perdo por la esperantistaro, kiu perdis en li multmeritan gvidanton. Li estis eble la sola vivanta esperantisto, kiu vizitis ĉiujn Universalajn Kongresojn, krom tio ĉiujn britajn kaj skotajn. Li estis prezidanto longajn jarojn de B. E. A., verkisto de granda Angla Vortaro kaj unu el la iniciatintoj por la eldono kaj traduko de la Sankta Biblio.

Post sia pensioniĝo li dediĉis sian tutan tempon por Esperanto.

Post multaj penadoj por la amata idealo li estis longe malsana kaj la morto lin liberigis de multaj suferoj.

Ni sendas niajn sincerajn kondolencojn al la familo kaj al lia pli vasta familio: la Brita esperantistaro.

Por lia korpo estu paca la ripozo!

## Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*Etoso:* animo de loko; *fatamorgano:* (Zamenhof) vidtrompa aerspeguliĝo; *lanĉi* (Boirac): provi ekfunkciigi, ekirigi; *obscena:* pudorindigniga; *prohibicio:* (alkohol-) malpermeso; *prominenta:* (fame) elstara; *riveli* (Boirac): revelacii; *simultana* (Boirac): ampleksanta samtempajn okazaĵojn; *sinhrona* (Boirac): tempe kunordigita; *sinoptika* (Boirac): samtempe videbla per unu rigardo; *stigmo* (Boirac): neforviŝebla haŭtmarko.

## ANONCETOJ

Ni serĉas la kvaran numeron de 1931. jaro de nia gazeto. Posedantoj sendu al ni, ni sendos por ĝi laŭdezire libron en la valoro de sv. fr. 2.— el nia propra eldonejo.

Hoffmann László, Pesterzsébet, Hungarujo, Kádár-u. 6. tre deziras korespondi kun esperantistoj el la tuta mondo.

## Pagantoj al ni

bonvolu atenti, ke nian germanan poŝtĉekkonton de post nun rajtas uzi nur niaj germanaj klientoj. Ĉiuj aliaj uzu afable la polan poŝtĉekkonton kaj ĝiajn numerojn.

## Restis por ni

el iuj numeroj de la gazeto tre multaj ekzempleroj. Ilin ni volonte dissendas varbcele al niaj abonantoj kiuj sendas por la ekspedkostoj egalvaloron de 0.20 svisaj frankoj por unu ekzemplero. La pagon ni akceptas per niaj ĉekenpagiloj, per respondkartoj aŭ poŝtaj respondkuponoj (du ekz.) aŭ UEA kuponoj en nomvaloro. Ĉe mendo de minimume 10 ekzempleroj sendu 20% malpli.

## DU NOVAJ LIBROJ

IVAN MAŽURANIĈ

**LA MORTO DE SMAIL AGA ĈENGEJIĈ**

Heroa eposo kroata, tradukita de MAVRO ŜPICER

La perlo de la kroata literaturo

Sur 76 paĝoj, kun ses tutpaĝaj ilustraĵoj, sur senligna papero, bele bindita, afrankite svisaj frankoj 3.— Eldonis La Suda Stelo, Slavonski Brod, Jugoslavio

CARLO GOLDONI

**KURIOZA OKAZAĴO**

Triakta komedio

El la itala tradukis MEVO

64 paĝa, kun tri ilustraĵoj. Prezo sv. fr. 1.50 + 10%

Eldonis Esperanto-Centro Itala
Milano, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92.

Ambaŭ haveblaj ĉe Literatura Mondo, Budapest

## Universala Esperanto Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.
*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.
*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.
*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.
La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝon Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.
*Al la Membro-Abonantoj:* Krom tio la gazeton »Esperanto«, internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.
*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan ol la Esperanto-literaturo.
Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto »Esperanto«,

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

## *Oomoto Internacia* mortis

## *Vivu Oomoto Internacia!*

Komence de Januaro nia gazeto aperas sur 32 grandformataj paĝoj, fariĝante unu el la plej grandaj Esperanto-gazetoj.

Senpagan specimenon petu al la Eldonejo en *KAMEOKA, KIOTO-HU, Japanujo*

**Amaso da bonaj opinioj** alvenis pri la unua libro de AELA eĉ krom tiuj, kiujn vi certe legis sur la internaj paĝoj. La prijuĝo de la kompetentaj esperantistoj certe komprenigos al vi kaj

**decidigos Vin** pri tio, ke via devo al vi mem estas

**aliĝi al la AELA** Post pago de la unua parto de

**4 sv. fr.** kaj sendkostoj vi tuj ricevos la »imponan verkon«

**HUNGARA ANTOLOGIO**

(Ordinara prezo sv. frankoj 12.— + 10% sendkostoj)

Postulu tuj specialan prospekton de

**Literatura Mondo (ASOCIO DE ESPERANTISTAJ LIBRO-AMIKOJ)**

**Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 7.**

**POŜTISTOJ!** **TELEFONISTOJ!** **TELEGRAFISTOJ!**

# Internacia Esperanto-Kurso

**por la geoficistaro de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono en ARNHEM, 21. Junio—1. Julio 1933.**

Konsiderante la gravecon de la internacia lingvo por la oficistaro de P. T. T., la *Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-oficistoj (ILEPTO)* kaj la *Internacia Csch-Instituto de Esperanto*, en kunlaboro kun la *Generala Direkcio de la Nederlanda P. T. T.*, organizas

**specialan internacian kurson de Esperanto por la geoficistaro de P. T. T., kiu okazos en la Esperanto-Domo en Arnhem (Nederlando), dum la tagoj 21. Junio—1. Julio 1933.**

La kurso estos gvidata de *Andreo Cseh*, laŭ lia konata metodo *(sen ternolibroj, sen uzo de nacia lingvo, sen hejma laboro, en praktika kaj amuza maniero)* kaj ĝi kapabligos al skriba kaj parola uzo de la lingvo Esperanto en simpla ĉiutaga interrilato, speciale sur la kampo de P. T. T.

La kurslecionoj okazos dum 10 labortagoj, matene de la 9-a ĝis la 13-a horo. Dum la posttagmezoj estos *ekskursoj studaj kaj plezuraj*, interalie al la granda nederlanda *radio-stacio en Kootwijk*, plenumanta la telegrafan servon kun Nederlanda Hindujo. En la vesperoj okazos *amuzaj aranĝoj*.

La kurso servos ankaŭ kiel ideala okazo por internacia interkonatiĝo kaj interamikiĝo de la diverslanda P. T. T.-kolegaro.

En la kurso partopreni povas *ĉiuj geoficistoj de la P. T. T., kune kun siaj familianoj*. Partopreni povas ankaŭ personoj, kiuj jam scias la lingvon Esperanto. *Kurskotizo* estas: 5.— ned. guldenoj, por pluaj anoj de la sama familio nur 3.— guld.

La kursanoj povos loĝi en la *hotelo de la Esperanto-Domo*, kie speciala favorpreza plena pensiono (komforta ĉambro kun fluanta akvo kaj la tri manĝoj) kostas por unu tago kaj unu persono: 4.— Guld. (aparta ĉambro), 3.50 Guld. (2—4 litoj en unu ĉambro), kaj 3.— Guld. (5—10 litoj en unu ĉambro). Servmono: 10%.

Aliĝante oni sendu la kurskotizon kaj mendu la hotelon, pagante la pensionprezon por almenaŭ du tagoj.

*Adreso* por aliĝoj kaj informpetoj: *Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Oostduinlaan 32, Den Haag, Nederlando.* (Poŝtkonto: Den Haag 162626).

FAVOROJ. — Estas kreita *speciala fondo por subvencii* partoprenantojn, kies ekonomia stato ne ebligas la partoprenon. Petojn por subvencio oni sendu al la supra adreso, kiel eble plej baldaŭ. Ĉe la disdono de la subvencioj preferon ĝuos tiuj petantoj, kiuj aldonis al sia petskribo ankaŭ ian *ateston* aŭ *rekomendleteron* (de la oficeja estro aŭ de P. T. T.-fakorganizaĵo).

LIBERTEMPO. — La Gen. Direkcio de la Nederlanda P. T. T. decidis doni *ekstrajn libertagojn* al tiuj, kiuj intencas partopreni en la kurso.

PETO. — La legantoj de ĉi tiu anonco estas petataj vaste diskonigi la informojn pri la kurso en la nacia gazetaro, precipe en la fakaj gazetoj, kaj instigi siajn proprajn P. T. T.-estrarojn kaj fakorganizaĵojn, ke tiuj de sia parto delegu kaj subvenciu partoprenantojn. Donacoj por la subvencia fondo estas danke akceptaj. — Invitleteroj al la P. T. T.-direkcioj de ĉiu lando estas jam dissenditaj de la Nederl. P. T. T.-Direkcio, tra la Univ. Poŝta Unio en Bern.

Felelős kiadó: Zöldy István. Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gyula felelős.